# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

***movada revuo en kunlaboro kun REU*** ***№ 4 (35) septembro 2006***




**en la numero**

*alvoko al la Ago-Tago*

*rakontoj kaj impresoj pri UK-91, RET-06, OkSEJT-46, ISLA k.a.*

*neesperanta rusia eldonejo eldonis kvar priesperantajn librojn*

*tragike forpasis Sergej Bozin*

*aperis dudiska kantokolekto de Mikaelo Povorin*

*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

***Moskvo, 2006***

# *enhavo:*





**Sergej Bozin**

*tragike pereis la 20-an de aŭgusto*

**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

***№ 4 (35) septembro 2006***

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Garik Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2006:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 180 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 18 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# ESPERANTO NE KONAS LANDLIMOJN

Verŝajne, multaj muzikŝatantoj memoras, ke tiel nomiĝis albumo de la legenda rok-grupo "Amplifiki", eldonita en 1989. Ĉu la legendo revenas?! Ne… Bedaŭrinde ne…

Temas pri io alia. Kiel jam estis anoncite antaŭe, la dudiska kolekto de miaj kantoj aperis! La diskoj ricevis la vortludajn titolojn "Verula sezono" kaj "Revula sezono". Por la atento de muzikŝatantoj estas proponataj 40 kantoj, plejparte originalaj. En la diskoj estas kolektitaj ne nur la plej sukcesaj, ŝatataj kaj ofte plenumataj kantoj, sed ankaŭ la kantoj, por kiuj jam delonge ne restas loko en la koncertoj, sed kiuj ja meritas atenton ("Revenas bela tempo", "Al stelo", "Vi kaj mi", "Sonorilo", "Jam tempas" k.a.). "Ĉio nova estas bone forgesita malnova". Kaj, certe, en la diskoj estas ankaŭ tute novaj kreaĵoj, kiujn ankoraŭ neniu aŭ preskaŭ neniu aŭdis: ekzemple, "La pluvo" kaj "Por kio" laŭ la vortoj de la moskva E-poetino K.Ilutoviĉ. Interalie, notindas, ke du novaj kantoj estas komponitaj laŭ la vortoj de famegaj Esperantaj klasikuloj: la lirika "Stranga danco" (J.Baghy) kaj la petole sprita erotikaĵo "Miss Esperanto" (R.Schwartz).

Lastmomente, kiam la diskoj jam estis preparataj al la eldono, aperis interesa ideo: registri du kantojn duete kun Nataŝa Gerlaĥ. Des pli ke precedenco de nia kuna kantado jam estis antaŭ 6 jaroj dum KEF en Helsinko. Mi kaj Nataŝa registris "Mian karan amikon" kaj "Pli bonas" sen forlasi la urbojn, kie ni loĝas: mi – Moskvon, kaj Nataŝa – Stokholmon. Dankon al Ĵomart pro la bonega registrado de ŝia ĉarma voĉo! Ni interŝanĝis faritajn sondosierojn interrete. Poste Aleksandr Moskovcev, moskva soninĝeniero, kiu registris Esperantajn kantistojn por la lastaj partoj de la kompaktdiska serio "Oraj kantoj", kunigis la sondosierojn komputile. Jen, aŭdu – nova internacia dueto! Kiel estas dirite: "Esperanto ne konas landlimojn." La kovrilpaĝojn preparis la eldonejo "Impeto": Aleksandr kaj Elena Ŝevĉenko helpe de Vjaĉeslav Te, la pentristo, kiu jam ornamis per siaj bildoj kelkajn librojn, eldonitajn de "Impeto".

Mi esperas, ke la rezulto plaĉos al la esperantistoj en Rusio kaj aliaj landoj. Agrablan aŭskultadon!

***Mikaelo Povorin (Moskvo)***



*kantado dum UK en Florenco*




# *Kvar libroj – danke al unu informa kampanjo*




Unu el la plej gravaj rusiaj librokompanioj “AST” eldonis kaj dissendis al vendejoj tuj **kvar** E-librojn. La libroj jam estas aĉeteblaj en Moskvo kaj aliaj rusiaj regionoj, ĉefe en la librovendejoj de la vendeja reto “Bukva”. Ĉiuj kvar aperis kun “provaj” eldonkvantoj po 2 mil ekzempleroj.

La novaj libroj estas:

– “Страна Эсперантия. Карманная энциклопедия” (La lando Esperantio. Poŝenciklopedio”), prezenta libro pri Esperanto; la aŭtoro – Nikolaj Gudskov. *“Такой страны, в которой говорили бы на языке эсперанто, на карте мира вы не найдете. Но в то же время такая страна есть, в ней живут и по ней путешествуют тысячи людей. И неважно (или на самом деле как раз важно!), что ее жители рассеяны по всему свету: страна с таким названием заслуживает того, чтобы о ней знали, чтобы о ней можно было прочитать в путеводителе и, в конце концов, чтобы туда действительно можно было съездить.”*

– “Элементарная грамматика эсперанто” (Elementa gramatiko de E-o), de N.Gudskov.

– “500 самых важных слов эсперанто” (500 plej gravaj vortoj de E-o), de N.Gudskov.

– “Эсперанто за один месяц” (Esperanto dum unu monato), de Irina Gonĉarova.

La evento estas aparte tre signifa por nia lando, ĉar lastan fojon neE-a rusia eldonejo eldonis relative grandkvante E-lernolibron en 1992, kaj la lernolibroj, etkvante eldonitaj de rusiaj E-eldonejoj, preskaŭ neniam atingis la vastan publikon.




Indas noti, ke la fruktodona kontakto kun la libroeldonejo “AST” aperis dank’ al speciala kampanjo de Rusia E-ista Unio, kiu fine de la pasintjara somero dissendis al dekoj da rusiaj libroeldonejoj inviton konsideri publikigon de E-lerniloj.

***Andrej Grigorjevskij,***
***prezidanto de REU***



# ALVOKO
## *AL LA AGO-TAGO EN 2006*

Karaj esperantistoj,

antaŭ jam longa tempo oni decidis dediĉi la unuan sabaton de oktobro al la "ago-tago", tio estas al tago de agado por informi pri Esperanto kaj pri la ideoj de la movado por la internacia lingvo.

Ĉi-jare tiu unua sabato estas la 7-a de oktobro 2006.

Kiel kutime la Estraro de UEA invitas ĉiujn partopreni la ago-tagon je la plej alta agad-nivelo ebla laŭ la lokaj kondiĉoj. Kvankam ĝenerale vi prezentos Esperanton laŭ la normalaj ideoj de nia movado, kie necesos apartan temon, tiu povas esti kunligata kun la rezolucio de la lasta Universala Kongreso en Florenco: "Esperanto kiel rimedo por daŭropova pluvivo de ĉiuj lingvoj kaj de ĉiuj kulturoj".

Fakte ni volas defendi ĉiujn lingvojn, la naciajn lingvojn grandajn kaj malgrandajn, la malplimultajn lingvojn, kaj de historie ĉeestantaj kaj de enmigrintaj grupoj. Tie kuŝas nia malsameco rilate al tiuj, kiuj nur okupiĝas pri efikeco en komunikado de la supro al la malsupro (internacie kaj ensocie), kaj kiuj ŝovas la pezon de la komprenado kaj la problemojn de lingvolernado al la internacie kaj ensocie malplej fortaj homgrupoj.

Dum la komitataj diskutoj en Florenco estis reprenitaj la konsideroj pri la neceso havi malsamajn ago-tagojn en malsamaj mondopartoj, ĉar oni devas konsideri ĉefe la malsamajn momentojn, en kiuj finiĝas la ferioj kaj rekomenĉigas la laborjaro. Tio estas nun efektiviginda pro la reala tutmondeco de Esperanto. En ĉi tiu transira jaro okazu diskutoj en ĉiuj mondopartoj inter esperantistoj pri la plej bona periodo kaj tago en la koncerna mondoparto kaj ankaŭ okazu apartaj provoj de ago-tago en la elektita periodo. Tiuj kromaj ago-tagoj aldoniĝu al la nun anoncata tago.

Cetere en Eŭropo mem oportunus ligi la ago-tagon al la dato de la 26-a de septembro, Eŭropa Tago de Lingvoj, kiu ne estas malproksima de la unua sabato de oktobro. Ni invitas ĉiujn esperantistojn loĝantaj en la landoj de la Konsilantaro de Eŭropo ligi Esperanton al la jam antaŭviditaj lingvaj eventoj, cetere videblaj en <http://www.ecml.at/edl/find.asp?s=EV>, kaj al kiuj oni povas facile kaj libere aldoni tiujn pri Esperanto.

La devizo de la Eŭropa Tago de Lingvoj estas: "Celebri lingvan diversecon, multlingvecon kaj dumvivan lingvolernadon", sed ilia reta paĝaro pri la tago estas nur en du grandaj lingvoj.

Ni akceptas ilian devizon kaj sincere aplaŭdas je ĝi, sed ni devas komprenigi al ili kaj ĉefe al niaj kuncivitanoj, ke lingva diverseco kaj multlingveco povas flori stabile kaj pluekzisti nur se oni permesos al Esperanto ŝirmi la ceterajn lingvojn. Esperanto povas fari tion, ĉar pro manko de grupo, kiu utiligas ĝin por altrudi apartan kulturon kaj en la fino la superregadon de la anoj de tiu kulturo, ĝi estas la sola internacia lingvo ne-lingvo-vora.

***Renato Corsetti, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio***

UK-91

## REZOLUCIO DE LA 91-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 91-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Florenco (Italujo) de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto 2006, kun 2209 partoprenantoj el 62 landoj,

konstatinte,

– ke la Jardeko de Edukado por Daŭropova Evoluigo 2005–2014 estas grava kadro por iniciatoj cele al evoluo kiu estu socie dezirinda, ekonomie vivkapabla, kulture taŭga kaj ekologie daŭrigebla;

– ke nuntempe ekzistas gravaj minacoj kaj al biodiverseco kaj al kultura kaj lingva diversecoj, pro la reciproka dependeco inter la homo kaj la naturmedio;

– ke la nuna superrego je monda skalo de unu lingvo havas maltrankviligajn ekonomiajn, sociajn kaj edukajn efikojn koncerne daŭropovecon, lingvan ekologion kaj la rajton je komunikado;



*kunsido de UEA-komitato*

– ke la strebado de la Esperanto-movado al lingva demokratio kongruas kun la valoroj de transnacia edukado celanta informitajn, aktivajn civitanojn, kiuj estu kapablaj kritike kompreni sin mem kaj la ĉirkaŭan mondon por partopreni la evoluprocedon respondece kaj solidare,

alvokas la Esperanto-komunumon aktive engaĝiĝi en la agadoj kiuj, sur diversaj niveloj, strebas antaŭenigi praktikojn koherajn kun la principoj de la bezonata ŝanĝoprocezo, kaj utiligi siajn lingvon kaj retojn serve al tiuj klopodoj;

rekomendas al la Estraro de UEA doni al la ĉi-rilataj problemoj pli da atento en estontaj kongresoj kaj agadoj, partnere kun neesperantistaj organizaĵoj;

konfirmas la pretecon de la Esperanto-komunumo kunlabori kun Unesko kaj aliaj organizaĵoj cele al tutviva edukado por paco, socia justeco kaj kultura diverseco, kaj atentigas ilin pri la lingva aspekto de daŭropova evoluigo.

## FRANCOJ PLEJMULTIS EN FLORENCO

Francio retenis ĝis la fino la unuan lokon, kiun ĝi okupis en la statistiko de la Florenca UK ekde la komenco de la aliĝado. Surloke enskribiĝis pli da italaj kongresanoj, sed ne sufiĉe por detronigi Francion for de la pinta loko. Laŭ la defintiva



la Movada Foiro

statistiko al la 91-a UK aliĝis 302 esperantistoj el Francio kontraŭ 279 el Italio. Pli ol cent kongresanojn sendis ankaŭ Japanio (181), Germanio (159) kaj Pollando (129), kaj preskaŭ atingis tiun limon Rusio (97). La landoj kun pli ol 20 aliĝintoj estas: Brazilo (73), Belgio (72), Hispanio (64), Litovio (58), Usono (49), Britio kaj Nederlando (po 47), Svislando (44), Svedio (43), Hungario (42), Kroatio (41), Danio (40), Ĉeĥio (38), Ĉinio (34), Korea Respubliko (32), Serbio (31), Finnlando kaj Israelo (po 29), Bulgario (27) kaj Kanado (22). Al la Florenca UK aliĝis entute 2209 kongresanoj el 62 landoj. Rimarkinda estas la relative granda proporcio de aliĝoj el landoj ekster Eŭropo, entute 494 (22,4%).

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## RUSIANOJ EN UK

Entute al la Florenca UK aliĝis 2209 personoj el 62 landoj, kiel anoncis Gazetaraj Komunikoj de UEA. Rusianoj kun 97 aliĝoj okupis la 6-an lokon post Francio, Italio, Japanio, Germanio kaj Pollando. (Notindas, ke en la listo de 25 "la plej gravaj E-landoj" kun pli ol 20 UK-aliĝintoj, Rusio estas la sola lando en kiu ĝis nun neniam okazis Universala Kongreso de Esperanto.)

Rusianoj estis aktivaj en multaj agadoj de la 91-a UK.

Sur la ĉefa podio pianis Andrej Korobejnikov, ankaŭ kelkaj aliaj artistoj kantis kaj muzikis dum UK-programeroj. Sveta Smetanina rakontis tiel: "Brile koncertis Andreo Korobejnikov, muzikakompanis la internacian koruson Irina Mironova. Bardan koncerton en la junulara gastejo (ĝin iniciatis MEC) partoprenis Mikaelo Povorin, Nataŝa Berce, Ĵomart kun Nataŝa, rusa bardo (eble, onta esperantisto?) Viktor Tretjakov, por kiu ni tradukis du kantojn kaj invitis speciale al la koncerto". En la Internacia kon-




tablo de REU dum la Movada Foiro

certo, kiu kronis la artan programon de UK, prezentiĝis kelkaj rusiaj muzikantoj.

En la Belartaj Konkursoj de UEA la unuan premion pro eseo ricevis Aleksandr Melnikov. Lia filino Helena gajnis la trian premion en la branĉo "Poezio".

Tre rimarkinda estis la tablo de REU en la Movada Foiro – eksperimenta programero en tiu ĉi UK. Nikolao Gudskov asertis, ke ĝi "estis la plej riĉa enhave kaj vigla en la tuta movada foiro".

Dum la Solena Inaŭguro Raja Kudrjavceva nome de REU salutis la kongresanojn.

Viktoro Arolovič gajnis la 3-an lokon en UK-kvizo, Garik Kokolija – la 5-an.

Profesoro Anatolij Ŝejpak estis inter la aŭtoroj, kiuj rajtis prezenti siajn librojn dum la aŭtoraj duonhoroj, okazintaj en la Kongresa Libroservo.

Sergio Pokrovskij estis unu el la akademianoj, kiu respondis la demandojn de la publiko dum la publika prezento de la Akademio de Esperanto.

Garik Kokolija partoprenis en la laboro de UEA-Komitato kaj tri subkomitatoj, prezentis la novajn librojn de "Impeto" dum la programero "Libroj de la Jaro", ĉiutage kunlaboris en la kongresa libroservo.

Aleksandr Melnikov, Viktor Kandalinskij, Valentin Seguru, Anna kaj Mati Pentus (kaj verŝajne pluraj aliaj) aktivis en fakaj kunvenoj aŭ faris prelegojn. Renato Corsetti, la prezidanto de UEA, atestis, ke "... sen Aleksandr Melnikov la tago en la universitato de Florenco pri Bruno Migliorini estus estinta tre pli malriĉa".

***(reu-agado)***

## BUNTAJ KONGRESAJ IMPRESOJ

Antaŭ kvin jaroj mi atentigis en REGo (№ 5 (7), p.12), ke Universalaj Kongresoj tre delonge ne okazis en Italio. Mi ne scias, ĉu tiu mia artikolo iel nerekte kuninfluis, sed efektive jam baldaŭ italaj esperantistoj decidis inviti UK-on en sian landon, en la belegan Florencon – vere trafa estis la elekto de la kongresurbo.

Ĉi-jare por mi ĉiuj faktoroj, de kiuj dependas eventuala UK-partopreno, koincidis tre favore, do post 15-jara paŭzo mi ĝuis la Kongreson freŝpercepte. Plaĉis al mi la salono Zamenhof – grandega pavilono ĉe muro de malnova bastiono, kun du flankaj ekranoj, sur kiuj oni povis pli bone vidi tion, kio okazas sur la podio. Imponis la inaŭgura kaj ferma festparoladoj de Renato Corsetti, en kiuj li, komentante la kongresan em-



*urbestra akcepto en antikva palaco*



*en la koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa jam aktive partoprenas la filino Karina*

blemon, sprite komparis esperantistojn kun la biblia Davido, kuraĝe luktanta kontraŭ Goljato – la nuna maljusta lingva ordo en la mondo. Bone impresis Interkona Vespero kun Movada Foiro, en kiu la tablo de REU okupis rimarkeblan lokon.

Mi vidis du teatraĵojn, kiuj postlasis tute kontraŭajn impresojn. La spektaklo "Pacaj batalantoj" fare de la brita trupo "Verda Ranaro" estis fascina, ĝi tuŝis tre aktualajn demandojn pri rolo de Esperanto en la makrosocio kaj pri diversaj komprenoj de tiu rolo fare de apartaj esperantistoj. Sed la spektaklo "Stil-Ekzercoj" fare de unuopa aktoro estis ne pli ol klaŭnaĵo.

Mi ne trovis kunvenon pri mia fako, matematiko, tamen mi vizitis du fakkunvenojn, proksimajn al mi vivkoncepte. La kunvenoj de Ateista Tutmonda E-Organizo kaj de Tutmonda Asocio de Esperantistaj Nefumantoj pasis laŭ similaj scenaroj: komence la gvidantoj raportis pri administraj aferoj (kotizoj, asocia organo ks); poste asociaj aktivuloj prilumis la ĝeneralan situacion en la mondo kaj en apartaj landoj – temis respektive pri la problemo de deviga religia instruado fare de pastroj en publikaj lernejoj kaj pri defendo de la sana vivmaniero kontraŭ tabakaj firmaoj kaj ties subtenantoj, la fumantoj. En ambaŭ kunvenoj sekvis viglaj opini-interŝanĝoj, sed mi ne aŭdis klarajn ideojn pri la lokoj de la menciitaj esperantistaj asocioj en la kontraŭobskurantisma kaj kontraŭtabaka frontoj.

Vera bonŝanco por mi estis partopreno en la kongresa kvizo kaj la gajnita tie 3-a loko. Plej malfacile estis trafi la startan konsiston el 9 ludantoj, ĉar la gvidanto proponis demandojn al plurdekopa publiko, kaj vican startan lokon okupis tiu, kiu elkriis la respondon pli rapide kaj pli laŭte ol aliaj (mi kutimiĝis al malpli tumulta maniero, praktikata en la rusia intelektluda mondo: oni ne superkrias unu la alian, sed levas la manojn, kaj la gvidanto petas respondi nur tiun, kiu plej frue levis la manon). Al tiamaniere selektitaj ludantoj estis proponitaj diversspecaj demandoj. Komence estis faktologiaj, primovadaj demandoj, kiujn mi bone sciis, kaj tial ioman tempon mi havis plej multe da poentoj. Sed



*la kvizo*

en la finala parto, kiam restis nur tri ludantoj kun proksimume egalaj poentokvantoj, ekdominis enigmoj kaj vortludoj, en kiuj multe pli bone orientiĝis Tatjana Aŭderskaja – rezulte ŝi ricevis la 2-an lokon. Kaj venkis István Ertl, ekvilibre forta pri ambaŭ demandospecoj. Dum enmanigo de la premio mi estis prezentita kiel "konata en Rusio kvizisto" (mi citas laŭmemore), aŭdi tion estis tre agrable.

La Kongreso estis bonega observejo por tiuj, kiuj interesiĝas pri elparolo de E-vortoj fare de parolantoj de diversaj naciaj lingvoj. Pri tio ekzistas diversaj opinioj: iuj asertas, ke la influo de la gepatra lingvo estas neekstermebla kaj neeviteble provokas prononc-deviojn; aliaj oponas, ke ĉe persista trejniĝo tamen oni povas atingi internacie norman prononcon, ne ebligantan identigi la gepatran lingvon de la parolanto. En UK mi vidis (pli ĝuste, aŭdis) konfirmojn por ambaŭ vidpunktoj. Kadre de la diskuto pri la Kongresa Temo raportis reprezentanto de Hindio; tion eblus konjekti laŭ lia aspekto kaj laŭ la parol-enhavo, sed ne laŭ la prononco, tute sama, kian oni povas aŭdi en E-elsendoj de Pola Radio. Sed dum la prezento de la sekva UK japanaj samideanoj proponis rigardi Jokohamon sur "birdoj" (= bildoj) kaj mapon kun kongresaj objektoj, signitaj per "belga" (=verda) koloro. Aŭskulti tion, konstante solvante similajn mikroenigmojn, estis lacige. En Internacia Arta Vespero kuba kantisto prezentis kanton kun plurfoje ripetitaj vortoj "tiel la mondo iras", tamen la lasta vorto persiste sonis kiel "idas". Do, ĉu "tiel la mondo idas"? Kiel esperantisto, mi ne aprobus la mondon, en kiu venkus Ido, tial la kantisto ricevis de mi nur ĝentilan minimumon da aplaŭdoj.


*la junaj italaj esperantistoj organizis dum UK apartan junularan programon, jen ekz. koncertis "Dolchamar"*

Sed tute ne aplaŭdis mi al muzika grupo, kiu samvespere kiel objekton de siaj "modernigaj" ekzercoj elektis …la E-himnon. La plej karan por ĉiu vera esperantisto kanton tiuj …oj (la leganto kompletigu la vorton laŭplaĉe) profanis, kripligante la melodion kaj akompanante la plenumon per hurloj kaj vulgaraj movoj de koksoj kaj aliaj korpopartoj. Alvorte: per kiuj korpopartoj pensis kompilintoj de la programo, enigante ĉi tiun aĉaĵon? (Se mi aŭdus tion antaŭ dudeko da jaroj, mi reagus per plej forta fajfado. Sed laŭ la nuna stulta modo fajfi signifas aprobegi, do al mi restas nur esperi, ke iu el sekvantoj de tiu modo afablos klarigi al mi, kiel laŭ ĝi oni esprimas malaprobon.)

Oftis krokodilado – kaj en la kongresejaj kuluaroj, kaj precipe en la apuda herbejo. Ĉiupaŝe mi renkontis grupetojn de samnaciaj kongresanoj, senĝene interparolantaj nacilingve. Vere, plejmulton da alilandaj kongresanoj mi ne konis persone kaj ne povis juĝi, ĉu la renkontitoj estis realaj esperantistoj, ĉu eternaj komen-

cantoj aŭ eĉ simple hazarduloj, por kiuj UK estis ne pli ol oportuna maniero viziti la turisme allogan Florencon (pri ekzisto de la lasta kategorio mi povas supozi, ĉar tiaj kongresanoj estis ankaŭ en nia karavano, organizita de Moskva E-Centro). Sed mi ja aŭdis ankaŭ rusan krokodiladon fare de tre konataj voĉoj…

Tamen: diablo kun tiuj memsufiĉaj krokodilaj grupetoj, ili estis finfine marĝena flanko de la Kongreso; ĉu mi renkontis ilin, ĉu ne renkontis – kia diferenco? Ja nekompareble pli gravis tio, ke kunkongresis pluraj miaj malnovaj geamikoj, inkluzive eksajn samlandanojn. Estis ĝojege renkonti ilin, estis agrable konversacii kun ili. Ni rememoris la junajn jarojn, interparolis pri la nuna vivo, kaj certe ni ne krokodilis!


*agrabla surprizo de la Internacia vespero estis elpaŝo de Ĝanfranko Molle*

Universala Kongreso estis impona, ĉar la feston de la monda esperantistaro ne povis difekti la menciitaj (ankaŭ ne menciitaj) mankoj, nek la suferiga varmego. La partoprenon en la pinta evento de la jaro kaj la neforgeseblan busvojaĝon al ĝi (kies programo inkluzivis i.a. viziton al la tombo de Zamenhof en Varsovio kaj ekskursojn kun E-ĉiĉeronoj en kvar urboj de Germanio) mi, samkiel ankoraŭ pli ol kvardeko da kongresanoj, ŝuldas al Moskva E-Centro. Grandan organizan laboron antaŭ kaj dum nia grupvojaĝo faris Svetlana Smetanina kaj Mikaelo Ĉertilov. Dankegojn al ili!

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## BLINDULA KONGRESO EN FLORENCO

Ĉi-jare la 72-a IKBE (Internacia kongreso de blindaj esperantistoj) okazis la 29-an de julio – la 5-an de aŭgusto en Florenco kaj estis plene integrita en UK. Programo de la blindula kongreso praktike estis la sama kiel tiu de la ĝenerala kongreso. La blindulan kongreson partoprenis 160 esperantistoj (inkluzive akompanantojn) el 25 landoj.

***(esper-inform)***

## INFANA KONGRESETO

La 37-a Internacia Infana Kongreseto ĉi-jare okazis samtempe kun UK en Florenco (la 29-an de julio – la 5-an de aŭgusto) en la urbo Prato (20 kilometrojn norde de Florenco). Necesas mencii, ke ĉi-jare infana kongreseto fariĝis 50-jara, ĉar la 1-a IIK okazis en Kopenhago en 1956 kune kun la 41-a UK. Ĉi-jaran kongreseton partoprenis 36 6-13-jaraj infanoj el 21 landoj kaj 9 gvidantoj el 8 landoj. Ĉefaj gvidantoj de la kongreseto estis Bert Schuman (Francio) kaj Leonardo Pampaloni (Italio).

***(esper-inform)***

RET-06

## RET-06 APUD VOLĴSKIJ

Rusiaj E-tagoj apud Volĵskij bonorde pasis de la 12-a ĝis la 19-a de aŭgusto.

La bazejo, kiun la volgogradaj organizantoj trovis preskaŭ lastmomente, estis ege agrabla kaj tre oportuna por malgranda aranĝo. La rivero Aĥtuba prezentis mirinde bonan naĝejon. La sola malavantaĝo estis la larĝeco de la rivera plaĝo – oni devis unue travadi 500 metrojn da varmega sablo. Sed la akvo mem estis super ajnaj laŭdoj – sufiĉe profunda, pura kaj malvarma.

La vetero, kiel tiutempe ĉie en la Suda Rusio, estis varmega – ĉ. 32-35 gradoj ĉiutage, sed se oni konvene (mal)vestiĝis, tio ne ĝenis.

Nun pri malpli fanfaronindaj ciferoj: la partoprenantaro. Entute aliĝis 23 personoj, ankoraŭ kelkaj partoprenis, sed ne registriĝis. Ĉar ne estas multaj, mi povas simple listigi: Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin), Tatjana Maleĵ (Ivanovo), Valentin Melnikov, Irina Mironova, Georgij Kokolija, Dmitrij Ŝevĉenko (Moskvo), Valentina Sibirceva (Lipecka reg.), Evgenij Demĉenko, Andrej Nikolajev (Brjansk), Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk), Tatjana Vtorova, Dmitrij Vronskij, Ludmila Bikova, Vera Dumler, Valentina Spicina, Saulja Tikejeva kaj kelkaj aliaj (Volgograd), Aleksandr Morev (Sankt-Peterburg), Vladimir Minin (Tomsk – denove!), Helena Melnikova (Rostov-Don), Andrej Grigorjevskij, Natalja Grigorjevskaja, Saŝa Grigorjevskij (Ŝumerlja), Gleb Artamonov (Smolensk).



*la komuna foto de RET-06*

Kompreneble, en tia kompanio oni ne bezonis krokodili – kaj ne krokodilis.

La programo estis tre malstreĉa – kun longaj periodoj dediĉitaj al naĝado kaj ripozado. La programo de ĉiu tago estis anticipe kunkreata de ĉiuj dezirantoj, el kiuj plej aktivis Galina Terentjeva, Valentin Melnikov, Tatjana Vtorova, Irina Mironova, Dmitrij Ŝevĉenko, Vladimir Minin. Plej multajn programerojn prizorgis Valentin Melnikov: intelektajn ludojn, kvizojn ks. Okazis ankaŭ kelkaj diskutoj kaj prelegoj pri la kluba temo.

Enkadre de RET okazis la vica Konferenco de REU, en kiu partoprenis 15 delegitoj. La Decidojn de la Konferenco vi povas legi en la ĉi-numera “Bulteno de REU”.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## REZULTOJ DE OkSEJT-46

OkSEJT-46

En OkSEJT-46 estis ege bonaj:

– la vetero, naĝado, akvomelonoj, muzikaj programoj (Mikaelo Bronŝtejn, Helena Melnikova, Nina Djomuŝkina, Aleksandr Ĥrustaljov) kaj multaj aliaj aferoj.

Laŭdindas la lokaj organizantoj, kiuj trovis tre taŭgan bazejon, bonan E-parolantan kuiriston kaj provis esti inventemaj pri la programo.

Pli malbonis la nivelo de la kursoj, kvanto de programeroj kaj "lingva disciplino" (kiu fakte ne ekzistis kaj ne estis postulata).

Entute partoprenis ĉ. 70 personoj, el kiuj 65 registriĝis kaj eniris la tendaran adresaron. La plej grandaj grupoj venis de Volgograd, Moskvo, Jekaterinburg kaj Tjumenj. La nombro de inoj signife superis tiun de la mal-inoj (41 kaj 24). La averaĝa aĝo proksimis al 28 jaroj.



*la komuna foto de OkSEJT-46*

En la tendaro okazis plurkunsida junulara kunveno, dum kiu oni provis formi novan agad-strategion kaj kunordigan teamon de REJM. El tio, helpe de Irina Gonĉarova, Vitalik Malenko kaj Aleksej Besĉastnov, rezultiĝis "iniciata grupo" el diversurbaj junaj e-istoj, kiu intencas daŭrigi la komunikadon ankaŭ post la tendaro. Pluraj membroj de la grupo estas komencantoj, ankoraŭ studantaj la lingvon, tial la labora lingvo estas la rusa.

Pri la sekvajara OkSEJT oni parolis, sed nur rilate la koncepton kaj la programon. Iaj konkretaj proponoj pri la loko kaj la organiza teamo ankoraŭ mankas.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## IMPRESOJ PRI OkSEJT

Jam dum kelkaj jaroj mi lernas Esperanton kaj vizitis jam kelkajn E-renkontiĝojn. Sed mi ĉiam deziras scii, kio instigas esperantistojn veni el malproksimaj anguloj de nia lando al E-aranĝoj. Ĉu por ili ne sufiĉas komunikado en kluboj, korespondado aŭ interreta babilado?

Ne, tio estas nur anstataŭaĵo kaj aldono. Unu afero gravas nur – viva homa interparolo kaj amika buŝa babilado. Jes, por renkontiĝi kun amikoj venas homoj, por konatiĝi kun aliaj, por vidi per propraj okuloj, ke ili ne estas solaj en granda urbo


*la volgogradaj ĉeforganizantinoj de OkSEJT-46*

aŭ malgranda vilaĝo.

Ĉi-jara OkSEJT montris tion: homoj aktivaj, interesaj volas iri antaŭen, ili ne plu volas resti solaj, disigitaj. Jes, mi rakontas pri REJM, pri la plej grava junulara E-organizo en Rusio, kie ĉiuj povas trovi por si mem okupon, per kiu ili povas montri, ke per Esperanto ili faros pli multe ol sen ĝi.

Malgraŭ tio, ke dum du lastaj jaroj REJM preskaŭ ne funkciis, venis kaj aperis novuloj, kiuj volas kune atingi celojn, kiujn oni mem elektis: informado pri Esperanto, instruado, kluba laboro, eksteraj rilatoj kaj varbado k.t.p. Nun necesas helpo kaj subteno de spertuloj, kiuj scias, kion ne indas fari por ne perdi la tempon. Do, aliĝu tiuj, kiuj ne indiferentas.

Ĉio ĉi ne aperus, se ne ekzistus OkSEJT. La agordita organiza teamo faris preskaŭ ĉion, kion ĝi povis fari per propraj fortoj.

La trovita bazejo estis granda kaj bona. Civitanoj de OkSEJT oportune enloĝiĝis en lignaj dometoj kaj tendoj. La manĝoj bongustis. Aparte mi devas rakonti pri akvomelonoj. Dum la unuaj tagoj ni atendis promesitajn akvomelonojn kaj eĉ komencis plendi pri ilia manko. Sed poste aperis amaso da tiuj beroj, estis eĉ programero, dediĉita al akvomelonoj: akvomelona evolucio (Montru al mi tiun homon, kiu nomis akvomelonojn beroj!). Kaj nun mi eĉ pensi ne povas pri ili.

La kuiristo estis devigita paroli en Esperanto. Nun vi povas imagi, kiel Esperanto influas al simplaj homoj!


*Helena Melnikova*

La programo estis malstreĉa, kaj la homoj devis igi sin partopreni iun interesan programeron, ĉar la vetero estis varmega kaj plaĝo proksimis.

Ĉu OkSEJT devas esti instrua? Pri tio ankaŭ pensis REJM-kunsidantoj. En la tendaro kursoj okazis eĉ kvarnivelaj: por startuloj, komencantoj, daŭrigantoj kaj perfektiĝantoj. Sed ĉu sukcesaj? Laŭ mia opinio, ne. Tendaro devas resti parte instrua, sed instrui la lingvon necesas ne


*la rivero Aĥtuba ege helpis ne tro suferi pro la varmo*

per kutimaj kursoj, sed per aliaj metodoj.

Lerni gramatikon kaj bazan vortaron oni povas eĉ entrajne survoje al la tendaro, sed en la tendaro oni instruu kolore, ne-kutime, per praktiko, per ludoj k.s.

Dum la tuta tendaro regis amika etoso.

Koncertis ĉi-foje Mikaelo Bronŝtejn, Helena Melnikova, Nina Djomuŝkina kaj neoficiale – Aleksandr Ĥrustaljov, kies belaj voĉoj ĉiam kolektadis la tendaranojn vespere kaj eĉ ne nur esperantistojn, aliaj ripozantoj ankaŭ ĝuis la kantadon.

Oni kantis ne nur vespere, sed ankaŭ tage, kiam okazadis instruado de kantoj far Nina Djomuŝkina kaj Mikaelo Bronŝtejn.

Ĉiamaj ludoj ĉe rivero Aĥtuba donis al talentuloj, kaj ne nur al ili, tempon por korpa arto kaj konstruo de sablaj kasteloj.

Ĉi-foje OkSEJT estis bona, sed estas laŭ niaj fortoj fari ĝin pli multnombra, pli kvalita. Do, se vi havas eblecon subteni REJM-aktivulojn per konsiloj, proponoj k.s., faru tion!

Ĉar ekzistas ora regulo: Ju pli multe vi donas, des pli multe vi ricevos.

***Aleksandr Osincev (Jekaterinburg)***

## VARMA LOKO, VARMA KOMPANIO…

**Enkonduke.** Ne ĉiujare mi havas eblon partopreni enlandajn somerajn amasiĝojn de esperantistoj malgraŭ firma konscio, ke la etoso de la amasiĝoj ĉiam estas utila por mi mem, unuavice. La etoso inspiras emon fari ion por la ĉarmaj homoj. La ĉarmaj homoj rakontas ion novan, naskantan en mia kapo svagajn ideojn. La ideoj en la kapo maturiĝas de tago al tago, varmigataj de la malavara somera suno. La somera suno... Unufraze: nepartopreno ĉiam estas dolora kaj bedaŭrinda por mi. Do ĉi-jare mi ne havas la kaŭzon por tiu doloro kaj tiu bedaŭro, ĉar mi partoprenis du tagojn de RET kaj tri tagojn de OkSEJT.



**Ĝenerale**. Ambaŭ amasiĝoj okazis en



*amikema erinaco, kiu apenaŭ posedis E-on*

loko varma kaj kortuŝe animiga, spite al la nomo, kiu estas ne Verda, sed “Ruĝa Ĝardeno”. Cetere, mankas tie io ruĝa (krom tomatoj kaj sabatvesperaj vizaĝoj de aborigenoj), sed verdaĵoj abundas, do, almenaŭ por la espa periodo, eblus neglekti la sovetaĵon nepruvitan, kaj nomi la Ĝardenon laŭmerite – Verda. Ĉiuj tagoj de mia restado estis senpluvaj kun pli ol 35-grada varmo. Sed rapida fluo de la rivero Aĥtuba (akcentu ĉe la unua vokalo) konvene malvarmigis la korpon de ekstere, kaj dolĉaj, sukoplenaj akvomelonoj – de interne, do la vivo estis absolute tolerebla. Ankaŭ ĉiuj noktoj estis senpluvaj kun refreŝiga reduktiĝo de l’ varmo, kun stelplena suda ĉielo, cikadaj korusoj kaj amikemaj erinacoj, vagantaj inter la dometaro. La erinacoj apenaŭ posedis esperanton. Ankaŭ la cikadoj.

**RET**. Tre ripoziga amasiĝo de gekonatoj multjaraj, longe ne viditaj kaj, plejparte, videndaj. “Estis eĉ pli ripoziga kaj trankvila ĝis via alveno” – diris certa persono, sed mi ne imagas ion pli ripozigan – nur se ŝli dormis dum tiuj antaŭaj tagoj. Rakontoj pri Usono far du usonanoj (mi, la portempa, kaj Vladimir Minin, la porlongtempa) ne malpacigis la duopon malgraŭ kelkaj diferencoj pri detalaĵoj kaj venigis al ĉebilarda konkurado, tre agrabla. Nokta poezia vespero apud lignofajro estis tute taŭga por entuziasmigi la ĉeestantajn REU-membrojn, suflori al ili aferecajn opiniojn kaj sugesti rezignon (aŭ preskaŭ rezignon) pri stultaj paroloj dum la sekvataga Kunveno. Oni eĉ nomu ĝin Konferenco ĉe forta imagipovo, sed mi ne posedas tiun. Dek kvin reprezentantoj de kelkaj kluboj – jes, raciplenaj, kapablaj kolektive priparoli/pripoluri interesajn, eble eĉ taŭgajn solvojn de la problemegoj, kiujn REU alfrontas nun, – laŭ mi ne nomu sin decidorajta organo. Tamen, la Kunveno (pardonu, Konferenco) pasis tre vigle, atentokapte kaj eĉ gaje. Evidentiĝis, ke Rusia Esperantista Unio estas funkcianta malgraŭ kelkies duboj pri tiu fakto. Cetere, plia progreso de la funkciado dependas de ni, REU-membroj, do ĝi estas nepre okazonta, se ĉiu faros ion por la movado krom pago de aliĝkotizo.



*la familio de Grigorjevskij*

**SEJT**. Sabate la gekona-

toj plejparte fuĝis. Anstataŭ ili alvenis kompanio pli amasa, pli gaja, oble pli juna, bone posedanta nek esperanton, nek certajn planojn pri eventuala tempopasigo. Sed treege ĉarma, se ni aludu junulinan plimulton, kaj treege lerta, se ni parolu pri junul-areto. Por mi plej gravis, ke preskaŭ neniun el la gevenintoj mi konis antaŭe. Do okazis tre-tre agrablaj konatiĝoj. Kun la esperantema Saŝa, la kuirema Ilja, la helpema Oleg, la fajrosvingema Kurt. Kun la ravaj, admirindaj kaj amindaj Galja, Julja, Katja, Kristina, Ksjuŝa, Marina, Olja, Saulja, Vika!!! Forĵetendus almenaŭ dudek kvin jaroj, eble eĉ tridek por komforta komunikiĝo, sed, ve! – mankas Mefistoj inter esperantistoj…


*Nina Djomuŝkina*

Mi ne diru, ke tute mankis antaŭpreparita programo. Volgogradaj junulinoj lerte inventis, ke ĉiu tago de SEJT havu sian koloron de ĉielarko, ke estu kvar grupoj: suno, luno, steloj kaj mi ne memoras kio *(duonsuno – G.Kokolija)*. Mankis ordo kaj konvene rigora, postulema organizanto. Garik (nu, vi konas lin) diris al mi: "Ne maltrankvilu, venos Krasnokutskij, kaj kun li la ordo". Krasnokutskij venis, la ordo – ne. Sed venis por du aŭ tri tagoj Vitalik Malenko, pro kiu tuj okazis apero de necesejpapero. Krom tio Vitalik ordonis al la gvida knabinaro kunvenigi ĉiujn REJM-anojn. Ĉiuj gejunuloj pli-malpli obeeme eksidis en rondo kunvena. La vizaĝesprimoj elokvente montris, ke ili konscias sin REJM-anoj same, kiel anoj de la "Unio de glavo kaj plugilo", kiam ĝi estis proklamita de la glora Ostap Bender. "Mi donos al vi "parabellum" por ke vi protektu mian foriron el REJM!" – aĥ, pardonu, tion diris ne Vitalik, sed la sama Ostap. Tamen ektimo de la aŭskultantoj estis simila. Nu, iel-tiel venis la komprenemo, kaj fondiĝis iniciata REJM-grupo. Jen tio estas plej grava kaj esperiga atingo! Krom ĝi ne mankis en la programo realigita: koncertoj, nokta naĝado, iom da E-instruado, fajrosvingado, ventrodancado kaj hokettrikado, do la homoj havis ion por fari. Ĉio ĉi estis eĉ pli ripoziga ol RET, kaj mi sincere bedaŭris, forlasante tiun ripozon kelkajn tagojn antaŭ la oficiala fermo.

**<u>Grumblete.</u>** Por vojaĝo al RET-SEJT mi elspezis monatan salajron, sed eĉ ombreto de bedaŭro ne aperas en mia animo. Ĉar mi ricevis mian ripozon – similan mi havis, verŝajne, antaŭ dek kvin jaroj. Ja jes, mi uzis kupeon, sed la elspezoj


*Dima Ŝevĉenko*

de aliaj venintoj ne tro diferencas de la miaj. Do kelkaj el ili laŭtvoĉe esprimis dubon: ĉu indas fari tian elspezon por veni al similaj amasiĝoj? Diference de mi ili venis por ricevi esperanton kun/en interesa programo. Ili malgajnis. Kion do ni faru en futuro por ke homoj venu al similaj amasiĝoj pli grandkvante kaj neniom bedaŭru pri sia elekto? Estas multaj aferoj pripensindaj kaj solvindaj, mi elektu inter ili nur du, ne malplej gravajn:


*inoj en OkSEJT plimultis ol malinoj*

1. La ideo pri sinsekvaj RET kaj SEJT laŭ mi estas pravigebla kaj utila ĉe unu kondiĉo: la spertuloj-RETuloj venigu siaurbajn komencantojn al apud-RET-a instrua amasiĝo; ekzistas eĉ bone forgesita nomo por ĝi – Paroliga Periodo. Tiel la komencantoj atingos la SEJT-periodon jam kiel amikiĝinta kaj funkcianta teamaro.
2. Estas misa vojo, ke pri la programo de SEJT okupiĝas nur loka organiza grupo. En REU-REJM devas esti estrarano aŭ komisiito, kun konstanta tasko kunordigi la programojn de amasaj aranĝoj. Tiu persono, kunlaborante kun la tuta Estraro kaj aliaj dezirantoj, havos jaron por konstrui vere bonan programon almenaŭ por RET-SEJT. La programon, kie ĉiu minuto estos interesa. La programon, kiun ricevinte, multaj geuloj, jam planintaj esperantumi eksterlande, skrapos la nukon mediteme.

**<u>Konklude</u>**. En la frua mateno de mia foriro brakumis min miaj novaj konatoj, kisis min miaj novaj konatinoj, kaj ĉiu el ili diris: “Ni volas denove renkontiĝi kun vi. Ĉu eblas?” Kortuŝa kaj agrabla por mi estis tiu dirado, kaj mi respondis al ĉiu: “Lernu esperanton. En Esperantujo ni renkontiĝos senprobleme.” Mi esperas, ke tio okazos.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## LA GEJUNULOJ REVIGLIĜAS

Ĉi somere de la 19-a ĝis la 26-a de aŭgusto en la ripoza bazejo “Ruĝa ĝardeno” apud Volgograd pasis rimarkinda aranĝo – OkSEJT-46. La aranĝon partoprenis 65 personoj. Ni ne eraros dirante, ke tiu ĉi tutrusia tendaro memoras pli bonan tempon.

Memkompreneble en la tendaro aperis la intenco ŝanĝi kaj OkSEJT-on, kaj entute junularan E-movadon en Rusio. La komenco estu reviviĝo de REJM, nia Esperantista Junulara Movado, kiu plu ne montras simptomojn de vivo. Por tio kuniĝis iniciatema teamo el 8 homoj, kiuj kuraĝis respondeci pri estonta REJM. Estis elektitaj 6 prioritataj direktoj:

***Informado,*** pri kiu respondecas Nataŝa Ĵuravljova (Ivanovo);

***Kulturo*** – Dmitrij Nikonov ("Kurt Mark Forte", Moskvo);
***Aranĝoj*** – Aleksandra Loseva ("Sorĉa", Moskvo);
***Kluboj*** – Saulja Tikejeva (Volgogrado);
***Eksteraj rilatoj*** – Aleksandr Osincev (Jekaterinburg);
***Instruado*** – la respondeculo estas serĉata.

Ĉion kunordigas Oljga Talanceva ("Reganta Mondon", Moskvo).

Laborante dum OkSEJT, la iniciatema teamo pridiskutis kelkajn demandojn, gravajn por revivigo de REJM kaj por tutrusia junulara E-movado. Jen estas konvenciaj decidoj, kiuj estos la programo de nia agado:

*1. Kia laŭ nia opinio devas esti junulara E-organizo, kaj kiujn taskojn ĝi plenumas?*

REJM devas popularigi ideojn de Esperanto, homoj devas scii kio estas Esperanto kaj poste ili decidu kiel rilati al ĝi. Kaj certe REJM povas kolorigi la vivon de REJM-anoj, por ke ĝi estu interesa, brila kaj plena de ĝojo.

*2. La sekva demando estas pri strukturo de REJM.*



*la junularo pidiskutas estonton de REJM*

Ni elektis 6 prioritatajn direktojn:

**Informado** – por popularigi Esperanton kaj plisimpligi komunikadon ene de Movado. **Kulturo** – Esperanto estas E-kulturo, E-historio, kaj krome – libera kreado de junularo. Tio estas nia arta, nia interesa vivo. **Aranĝoj** – niaj grandaj kaj malgrandaj aranĝoj, renkontiĝoj de geamikoj kaj samideanoj. Ili povas multiĝi kaj iĝi pli kaj pli interesaj. **Instruado** – certe ni ne povas forgesi E-instruadon. **Kluboj** – ni intencas revivigi integrecon de E-kluboj en la tuta Rusio. **Eksteraj rilatoj** – ni ne volas komunikiĝi nur ene de nia negranda rondo, ni volas allogi la aliajn al niaj ideoj, proponi niajn ideojn kiel eblajn solvojn de iaj problemoj.

*3. Kiaj estos niaj plej proksimaj agoj ?*

Ni intencas krej REJM-paĝaron kiel laboran rimedon, respegulantan la vivon de E-junularo kaj helpantan ĝin. Kaj ŝanĝi la koncepton de OkSEJT.

Ni alvokas ĉiujn junajn esperantistojn partopreni nian iniciaton kaj sendi siajn proponojn. Kune ni povas plibonigi nian vivon!

P.S. Sendu viajn proponojn al Oljga Talanceva <reganta@rambler.ru> aŭ Nataŝa Ĵuravljova <zu86@mail.ru>.

***La iniciatema teamo***

# *Valeria*

Mia unua vizito Leningraden okazis en 1964. Tiutempe mi jam posedis esperanton kaj sciis de mia Instruisto, ke la movado en Leningrado estas apoganta sin je du personoj: Semjon Podkaminer kaj Barbara Cvetkova. Fakte, tiun duopon konis la tuta mondo esperantista. La geprudentuloj foje kontraŭstaris unu la alian, ĉar ambaŭ havis fortajn karakterojn, sed ilia kontraŭstaro ĉiam estis kreiva kaj finiĝis per la solvo plej racia. Barbara, la panjo Barbara, humile sed insiste moderigis la opiniojn de Semjon Naumoviĉ, ofte tro rigorajn. Efektive ŝi estis kerna elemento de la esperantista vivo en la dua ĉefurbo dum multaj jardekoj. Estante profesia pentristo, ŝi senlace produktadis instruilojn, afiŝojn, ŝercajn murgazetojn. Ŝi estis unu el nemultaj, kiuj kuraĝis kontakti eksterlandajn esperantistojn, ofte vizitantajn Leningradon ene de laikaj turistaj grupoj. En la klubo ŝi aktivigis pigrulojn, admonis kabeintojn kaj baptadis novicojn. Ŝi estis neanstataŭebla.


*Valeria Cvetkova kun Biruta Rozenfelde dum UK en Florenco*

Do, la sorto verdiktis al Valeria ĉiam resti en la ombro de sia brava panjo, tamen la filino havis sian vojon.

Valeria Cvetkova, naskita en 1936, knabinaĝe renkontis la plej danĝeran elprovon de sia vivo – la Mondmiliton kaj la sieĝon, aŭ la blokadon de Leningrado. Ŝi travivis kun la panjo kaj kun la urbo ĉiun tagon el tiuj naŭcent blokadaj – ĉe la foresto de nutraĵoj kaj komfortaĵoj, en la konstanta ĉeesto de obusoj kaj bomboj. Barbara laboris (kelkaj ŝiaj dummilitaj afiŝoj venkokredaj eniris la Enciklopedion de la dummilitaj afiŝoj), Valeria vizitadis infanvartejon – unusolan, restintan en la sieĝita urbo. Ambaŭ sukcesis elvivi.

La eksteresperanta postmilita biografio de Valeria estas tute simpla: lernejo, kulturinstituto, tiam havanta la nomon de Krupskaja, tri jaroj da laboro en lernejo kaj tridek tri – en la ĉefa leningrada ŝtata biblioteko nome de Saltikov-Ŝĉedrin, la famega "Publiĉka".

Sed estis ankaŭ Esperanto! En 1956, dum preparado de la sesa Monda Festivalo de junularo, kun registara permeso estis fonditaj du junularaj Esperanto-grupoj: "Fajrero" en Moskvo kaj "Aŭroro" en Leningrado. Valeria iĝis tiom kerna persono en "Aŭroro", ke eksterlandanoj venantaj en la urbon nomis ŝin ne Valeria, sed Aŭroro! Ŝi aktive partoprenis diversajn esperantistajn aranĝojn ekde la unuaj BET-

oj. Ŝi instruis la lingvon kaj prelegadis pri ĝi en la plej imponaj ejoj de la urbo, ekzemple, en la centra prelegejo de la societo "Scio" en Litejnij-avenuo. Ŝia juna ardo entuziasmigis multajn tiutempajn projektojn: esperantistajn vesperojn, publikajn aranĝojn ktp. Ie en la epoko, kiam eĉ mencio de l' vorto "Esperanto" en amaskomunikiloj estis preskaŭ malpermesata, Valeria kunaŭtore kun barnaulano Gennadij Jaskov sukcesis aperigi la esplorartikolon "Esperanto en radio dum 20-30-aj jaroj".

Sed la ĉefverko de Valeria estis farita ie en sepdekaj jaroj. Tiam ŝi lanĉis kompiladon de bibliografio de literaturo en kaj pri Esperanto, ricevebla per t.n. MBA (Interbiblioteka abonemento) el ĉiuj bibliotekoj de Sovetunio. Ŝian alvokon subtenis esperantistoj en multaj urboj, do estis faritaj ŝvitaj esploroj en diversaj bibliotekoj. Rezulte Valeria akumulis riĉegan materialon, kiun eldonis libroforme Dimitrij Cibulevskij en Ĥarkovo. Certe, post tridek jaroj, kiam la menciitaj bibliotekoj trafis diverslanden kaj mankas certeco pri bona konservo de la libroj, tiu laboraĵo ŝajnas malaktualiĝinta. Tamen ĝi estas bona ekzemplo: ĉu malbonus nun havi enrete informilon pri E-libroj, atingeblaj en diversurbaj bibliotekoj almenaŭ en Rusio?!

Sian jubileon Valeria Cvetkova renkontas en vigla kaj bonhumora agado poresperanta, nu, eble ne tiom vigla, kia ĝi estis antaŭ kvardek jaroj, sed ĉu ne pli okulfrapa estas malvigliĝo en la agado de multe pli junaj samideanoj?

Kara Valeria, sanu kaj bonfartu! Viaj geamikoj tra la tuta mondo gratulas vin!

*Ne estingiĝas la esper'*
*En ŝlimo de l' movad' senmova,*
*Dum vi funkcias sur la Ter'.*
*Hura, Valeria Cvetkova!!!*

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin), komisiite de la popolo***

---

## INTERNACIA SOMERA LERNEJO EN ARMENIO

***02-09.07.2006***

Erevana neforgesebla somernokto. La kafejo sub libera ĉielo apud la Respublika placo. Esperanta parolado, ŝercoj kaj gaja rido, bondeziroj kaj adiaŭaj vortoj... Tio estis la lasta komuna aranĝo de la Somera Lernejo – Adiaŭa vespero, kaj la lasta eblo por senpere interŝanĝi impresojn pri la Lernejaj tagoj, dividi ideojn kaj sentojn, fari planojn por la estonto.



La semajno pasis tre rapide, kvazaŭ tio estis hieraŭ, kiam frumatene, la

2-an de julio, la partoprenantoj de la Internacia Somera Lernejo enbusiĝis kaj direktis sin al la montara perlo de Armenio – la lago Sevan. Ĉe la bordo de la lago, kie belaj aromaj abioj kaj pinoj karesis la okulojn kaj ĝojigis la animojn, pasis la interkona tago, dum kiu ĉirkaŭ 40 esperantistoj el kvar landoj piknikis, interamikiĝis, kune kantis kaj dancis. Ĉi tie okazis ankaŭ la enkonduka prelego de Prezidanto de ILEI Radojica Petrović, kiu afable konsentis gvidi la instrumetodikan seminarion dum ISLA-2006 kaj prezenti la projekton “Interkulturo”.

La Lernejo daurigis sian laboron en Diliĵan, la fama kuracloko en montara Armenio, kien veturis pli malgranda grupo el 25 personoj: 11 esperantistoj el Irano, 1 el Serbio, 1 el Israelo kaj 12 el Armenio. Ĉi tie jam komenciĝis serioza laboro. La lecionoj por komencantoj okazis sub gvidado de Araksja (Inna) Elbakjan (Armenio), kiu sukcese paroligis eĉ preskaŭ neparolantajn lernantojn, uzante dum la instruado elementojn de la rekta metodo. La progresiga kurso estis gvidata de Reza Torabi (Irano). Tre interesaj temoj estis elektitaj por la metodika seminario, kiujn prezentis Radojica Petrović. La prelegoj koncernis interkulturan lernadon kaj edukadon. Estis tuŝitaj problemoj de instruado al diversnacia studantaro, protektado de kultura kaj lingva diversecoj. Okazis diskutoj koncerne la problemojn de interkultura komunikado. Samtempa iranlingva tradukado ebligis al la komencantoj el Irano ekhavi la eblon aktive partopreni la diskutojn. Aparta atento estis dediĉita al Esperanto-kulturo kaj celoj kaj rezultoj de Esperanto-instruado. Ĉi-rilate interesajn prelegojn prezentis Reza Torabi (Esperanto-kulturo) kaj Gian Piero Savio (Etna humuro).




La lernejanoj ne nur okupiĝis pri serioza lernado, sed ankaŭ povis uzi siajn sciojn en la praktiko, precipe dum la ekskursoj kaj amuzaj vesperoj. La programo kaj vivkondiĉoj dum ISLA-2006 kontribuis al la aktiva interkomunikado de la partoprenantoj kaj helpis ilin pli bone ekkoni unu la alian kiel reprezentantojn de diversaj kulturoj. Gustumado de naciaj manĝaĵoj, aŭskultado de naciaj kantoj, partopreno en tradiciaj ceremonioj, konatiĝo kun naciaj kulturaj valoraĵoj – ĉio tio helpis ne nur kompreni la nacian karakteron kaj la originon de kulturaj diversecoj, sed ankaŭ trovi multon komunan malgraŭ tiuj diversecoj.

Neforgesebla estis la akcepto en la infana ripozejo Gugark. Tio estis bela sur-

prizo ne nur por la alilandaj, sed ankaŭ por armenaj esperantistoj. Ĉiuj por momento forgesis pri sia aĝo kaj revenis en la helan infanecon, kiam ŝajnis, ke la tutan mondon eblas enteni en la manoj... Du tagoj pasigitaj en tiu ripozejo, partopreno en tendaraj aranĝoj, koncertoj kaj dancado por ĉiam restos en la memoro de Lernejanoj. Ĉi tie okazis ankaŭ la Lingva Festivalo, dum kiu Morteza Habibpoor (Irano) en Esperanto, la armena kaj la rusa lingvoj (ĉar en la ripozejo, krom la armenaj, estis ankaŭ rusaj kaj kartvelaj infanoj) prezentis la internacian lingvon kaj instruis kelkajn Esperantajn vortojn kaj frazojn, kiujn ĉiuj infanoj ĥore ripetis. Al la infanoj estis disdonitaj flugfolioj kun informo pri Esperanto. Kvazaŭ tutan semajnon daŭris tiuj du tagoj en Gugark, tiom enhavoriĉaj kaj emociplenaj ili estis! Kaj ili tiom proksimigis la ripozantajn infanojn kaj Lernejanojn, ke larmoj brilis en ĉies okuloj dum la lastaj adiaŭaj ĉirkaŭbrakumoj.

En Gugark kaj poste, jam en Erevan, okazis la ILEI-kunsidoj, dum kiuj estis pridiskutataj la demandoj de disvastigado de ILEI-agado kaj plifortigado de kunlaboro de KAEM en la regiono, organizado de ILEI-sekcio en Armenio. Pluaj laboroj en tiu direkto estos farataj en kunlaboro kun iranaj esperantistoj sub gvidado de Reza Torabi. Vendrede, la 8-an de julio okazis solena akcepto en la Centra E-klubo en la Domo de Amikeco.

Rapide pasis la tagoj de la Internacia Somera Lernejo en Armenio, sed la rezultoj de la farita laboro estas multepromesaj. Ili malfermas novan laborkampon kaj servas kiel forta impulso por iniciati fervoran agadon en la regiono je progreso de la tutmonda Esperantista movado.

Armenia E-Asocio esprimas sinceran dankon al ĉiuj organizantoj kaj partoprenantoj de la ISLA-2006, kiuj esence kontribuis al la sukceso de la aranĝo. Specialan dankon ni esprimas: al s-ro Radojica Petrović pro la subteno de la aranĝo kaj senlaca laboro; al s-ro Reza Torabi pro la aktivigo de la regiona movado kaj preparo de la grundo por la fruktodona kunlaboro; al s-ro Gian Piero Savio pro la aktiva partopreno kaj interesaj prezentadoj; al f-ino Araksja Elbakjan pro la efika instruado.

***nome de la Armenia Esperanto-Asocio –***
***Karine Arakeljan, Vicprezidantino***

---

# Memore pri Sergej Bozin...

... Li diris:

– Venigu al mi du knabinojn.

Ni plenumis lian peton.

– Vidu, – li klarigis al unu el ili, – necesas meti la tason sur vian malferman polmon kaj movi ĉi tiun lignan bastoneton laŭlonge de ĝia rando.

– Kaj vi, – li donis al la dua strangan hibridon de kombilo kaj lav-tabulo, – ritme faros ĉi tiel...

Zzzzzum!

La knabinoj serioze aŭskultis lin kaj kapjesis. Ne temis pri ŝercoj. La Majstro

Bozin konfidis al ili tre gravajn taskojn.

Sergej scipovis sonigi ajnan objekton. Iun vintron, reveninte el Tuvio, li portis hejmen tri grandegajn trabojn.

– Kio ĝi estas?! – indigne diris Olga, lia edzino. – Kien ni metos ĉion ĉi?

– Sur la balkonon! – li diris ĝoje.

Kelkajn semajnojn li preparis la trabojn – senŝeligis, purigis, pensis pri taŭga lokado de la traboj. Post la fino de la preparado li kontente montris ilin:

– Aŭdu, kia sono! – kaj per la polmo frapetis la lignon. – Kaj se frapeti kelkajn milimetrojn dekstren – estas jam alia sono! Kaj ĉi tiel – jam tria!

Alian fojon li veturis al Esperanto-renkontiĝo kun Tonja, filino, kaj dumvoje aĉetis tre bonan tamburon. Ĉar la elspezo estis neantaŭvidita, Sergej laŭte anoncis, ke li ne vespermanĝos (kompreneble, tio ne koncernis la filinon). Probable li ŝercis, sed oni ne mirus, se tio evidentiĝus reala. Muziko por li estis super ĉio.

Li ĉiam kunhavis gitaron kaj iun sakon, en kiu troviĝis flutoj, knariloj, diversaj tamburoj, sennomaj (kaj sennombraj) muzikiloj, jen portitaj el folkloraj ekspedicioj, jen manfaritaj. La diversaj aĵoj havis komunan trajton – ili scipovis soni.

Li multe instruis infanojn gitarludi. Ekde la unua leciono li klarigis al ili, kio estas improvizo kaj kiom grava estas pensado en muziko.

Li estis homo, kiu ĉiam rigardis transen. Trans la mondon, trans la homojn, trans la tempon. Por konvinkiĝi sufiĉas rigardi ajnan foton, kie li ne intence pozas, sed estas bildigita dum iu faro – ĉu kantado, ĉu parolado, ĉu simpla silentado.

Li estis unu el malmultegaj homoj inter esperantistoj, kun kiu ni ĉiam ĝojis renkontiĝi – ĉu en Moskvo, en ies hejmo, ĉu en iu tendaro aŭ kongreso. Tre bedaŭrinde, ke ni vidis nin tre malofte, li ne povis ofte vojaĝi el Krasnojarsk en la eŭropan parton de la lando.



Lia forpaso estis sufera. Li piedmarŝis kun siaj lernantoj, ili venis en iun sovaĝan lokon, kie li subite tre malsaniĝis. Bedaŭrinde, oni ne sukcesis savi lin.

Kredu ni, ke Sergej nun sidas ie tre malproksime sur nubo, en ĵinza vesto, kaj kantas ion – por Di', por ni, por si. Lia stel' ĉiam brilos el koro de nokta ĉiel'. Ni ĉiam aŭdos lian kanton.

***Ivan Naumov***
***Grigorij Arosev***
***Pavel Korotenko***

Bulteno de REU

# DECIDOJ

## de la 22-a Konferenco de Rusia Esperantista Unio

### *Volgograda regiono, la 18-an de aŭgusto 2006*
### *(enkadre de RET-06)*

1. Aprobi la decidon de REU-Estraro pri interkonsento de REU kaj REJM aligi REJM al REU kiel junularan sekcion.

2. Taksi la laboron de la Estraro kontentiga.



3. Komisii al REU-Estraro dum unu monato prezenti la financan raporton al la Kontrol-revizia Komisiono, publikigi ĝin kaj dissendi laŭpete al membroj de REU.

4. Rekomendi al REU-Estraro, ke RET kaj OkSEJT okazu kune.

5. Rekomendi al REU-Estraro, ke REK kaj EoLA okazu kune.

6. Kiel la ĉefan labordirekton por la venonta agadperiodo konsideri regionan (kluban) agadon.

7. Ne okazigi reelektojn de la Prezidanto de REU, de la Estraro de REU, de la Kontrol-revizia Komisiono kaj de la Komisiitoj kaj peti ilin plenumi siajn funkciojn ĝis la sekva Konferenco (maksimume – ĝis la 30-a de aprilo 2007).

8. Rajtigi la Estraron fari la pridiskutitajn de la Konferenco amendojn en la Ĝenerala Regularo, se ili konformas al la Statuto de REU.

## KION REU FARIS EN 2005-2006

**Kio estis farita?**

– Sukcesa estis la kampanjo "Esperanto en eldonejojn!", kiun REU efektivigis fine de la somero 2005. Rezulte de ĝi sur la rusia libra merkato aperis kvar E-libroj, eldonitaj tuj en relative grandaj kvantoj kaj ne kontraŭ nia propra mono. En Rusio tio okazis unuafoje post 1992. Kio aparte gravas, tiuj libroj vendiĝas ne nur

en Moskvo, sed tutlande. Ekzistas signoj, ke la eldonejo “Vostok-Zapad” (parto de librokompanio “AST”), kun kiu ni tiel komencis kunlabori, eldonados kaj reeldonados E-librojn ankaŭ estonte.

– Regiona renkontiĝo “Tagoj de Internacia Lingvo”, okazinta en Soĉi komence de oktobro 2005, iniciatita kaj sponzorita de REU, estis la unua en tiu parto de Rusio ekde la komenco de la 90-aj jaroj. Sukcesaj kaj utilaj estis ankaŭ aliaj regionaj renkontiĝoj, kiel VER en Uljanovsk, “tRA Siberio”, “EsPrimo”, “Apero”, kiujn organizis aktivuloj de REU.

– Estis renovigita kaj rekonstruita la retejo de REU <www.reu.ru>, kiu, krom esti anoncejo pri la novaĵoj, komencis servi kiel Reta Oficejo de REU, ebligante al diversurbaj estraranoj kaj aktivuloj de REU uzi unuecajn adreslistojn. En la retejo aperis ankaŭ pluraj faciligoj por rapida kaj oportuna publikigado de informoj pri planataj E-aranĝoj, kreado de retaj aliĝiloj kaj fotogalerioj.

– REJM estis akceptita kiel junulara sekcio de REU. Tio subtenis la junularan movadon dum ĝia provizora “struktura” krizo.

– REU prizorgis la elektadon de lokoj por EoLA, OkSEJT kaj RET en printempo kaj somero 2006 kaj en necesaj situacioj teknike kaj konsile helpis al la lokaj organizantoj.

– REU diversmaniere subtenis funkciadon de la reta projekto “Esperanto Novosti”. La retaj kursoj de Esperanto, plejparte prizorgitaj de REU-aktivuloj, atingis senprecedencajn mondskale nombrojn kun ĉ. 15 mil abonantoj.

> La edzo revenas hejmen. La edzino alkuras lin: “Karulo, ĉu vi scias, kio okazis hodiaŭ? Nur momenton post kiam mia patrino leviĝis de ĉe la tablo, tiu peza horloĝo falis de sur la muro. Ĝi povis mortigi ŝin.” La edzo: “Mi ĉiam diris, ke tiu horloĝo malfruas!”
> ***(per-esperanto-humuro)***

**Kio ne estis farita?**

– Ne okazis proponita de la antaŭa REU-Konferenco vasta revarbado de la antaŭaj membroj de REU. I.a. tion malhelpis manko de moderna datumbazo – ĉion necesus fari mane kaj la fortoj por tio mankis. Nun la datumbazo estas kreita surbaze de <reu.ru>, kaj en aŭtuno 2006 tia kampanjo povos efektiviĝi.

– Ne okazis kandidatigo de Rusio por Universala Kongreso de Esperanto en 2009 aŭ 2010. Kvankam certaj esploroj estis faritaj, kaj en Soĉi eĉ okazis traktadoj kun turismaj oficialuloj, la ideo ne sukcesis sufiĉe konkretiĝi en prezenteblan al UEA inviton. I.a. tio fontas el ĝenerala organiza malforteco de nia movado kaj daŭre grandaj infrastrukturaj problemoj pri la havigo de kongresaj servoj en la ĉefaj urboj de Rusio.

Okazis kaj ne okazis ankaŭ centoj da etaj, rutinaj kaj duonrutinaj agadoj, sed mi ne volus tedigi la legantojn per ilia priskribado.

Entute REU daŭre restas kvazaŭ unu plia E-klubo, simple aganta tutlande. Tio ne estas malbona, sed ŝajnas al multaj el ni, ke la modelo, en kiu REU estus la plenumkomitato de lokaj kluboj kaj aktivuloj kaj realigus dum la jaro komune ellaboritajn decidojn, estus pli efika kaj utila.

La funkcianta REU-Estraro provis ĉi-jare movi la Union al tiu modelo, organi-

zante la REU-Konferencon kadre de RET. Unuafoje dum pluraj-pluraj Konferencoj dum ĝi raportis ne nur la estraranoj kaj komisiitoj, sed ankaŭ la reprezentantoj de REU-kluboj (Tiĥvina EK, EK MASI, Volgograda EK "Espero") kaj ĉeestintaj aktivuloj – membroj de E-kluboj, kiuj ne membras en REU. La sperto estis utila kaj inspiriga, kaj mi esperas, ke la tendenco en REU evoluos.

**Kio devas esti farota**

Ĉar la nuna Estraro funkcios ankoraŭ ĝis printempo 2007, mi volus ankoraŭ iom paroli pri la planoj por la estonto.

La plej granda tasko, kiun devos plenumi REU, estas bonorda okazigo de someraj aranĝoj en 2007 kaj ajnmaniera subteno de regionaj aranĝoj en 2006-2007.

Ni certe devos okazigi en 2007 Rusian E-kongreson, plejverŝajne kune kun EoLA (kiel rekomendis la ĵusa Konferenco). Mikaelo Bronŝtejn jam akceptis esplori pri la gastigo de la aranĝoj en Tiĥvin, por marto aŭ majo 2007. Ekzistas ankaŭ rezervaj variantoj.

El Novosibirsk venis informoj, ke en julio 2007 okazos E-aranĝo apud Bajkal. Tio estas tre ĝojiga novaĵo, ĉar malofte en tiu landparto okazas grandaj E-aranĝoj. Espereble, al la Bajkala aranĝo aliĝos ankaŭ kelkaj diverslandaj partoprenontoj de UK en Jokohamo kaj IJK en Hanojo, veturontaj tra Siberio.

Pri okazigo de OkSEJT kaj RET en somero 2007 jam aperis certaj evoluoj. Ekzistas bona ŝanco, ke la unua informletero almenaŭ pri RET aperos jam en oktobro 2006. Ekzistas deziro, ke ankaŭ OkSEJT okazu samtempe – kion multaj niaj membroj petis kaj proponis dum la pasinta REU-Konferenco. Do, ke denove okazu unueca tendaro, sen disdivido pri la aĝo kaj lingvokompetenteco.

Daŭros agado, celanta ricevi ian oficialan subtenon de la Ministerio de klerigado por instruado de Esperanto en lernejoj kaj altlernejoj (pri tio, helpe de REU, okupiĝas G.M.Ŝilo, la rektoro de Moskva Eŭropa Jura Universitato "Justo").

Ekzistas ankaŭ planoj de okazigo de instruistaj trejnadoj kadre de unu el niaj regionaj aŭ tutlandaj aranĝoj. Eble tio okazos kunlabore kun Internacia Ligo de E-instruistoj aŭ Internacia E-Instituto (institucio, subtenanta aplikadon de Che-metodo).

***Andrej Grigorjevskij, Prezidanto de REU***

## PRI LA INSTRU-METODIKA LABORO

Unue, kion necesas fari, laŭ mi, estas la sekvaj listoj (kun ĉiuj koncernaj donitaĵoj):

1) aktualaj instruantoj de Eo en Rusio;

2) gejunuloj-esperantistoj kun la koncerna klero;

3) aliĝintoj kaj dezirantoj aliĝi al la Rusia ILEI-Sekcio.

Kiam/se aperos la grupoj, eblus jam kun ili labori. La grupo 2 aktualas nun por la nova projekto de ILEI, pri kiu zorgas mi (laŭ la interkonsento kun Radojica Petrović dum la lasta UK). Temas pri preparado de junaj fakuloj-prelegantoj por la TEJO/ILEI-projekto "Flugiloj de malfacila vento". Mi intencas organizi la "Flugilojn..." (dezirinde, jam kun la novaj jun-prelegantoj) ĉi-jarfine dum ASo (Aktivula Seminario) kaj daŭrigi en IJK. Mi tuj avertis, ke mi emas apogi min

unuavice sur rusianoj, ĉar aliajn mi ne konas aŭ ilia lingva/metodika nivelo ne taŭgas. Inter la rusiaj gejunuloj mi povas jam nun nomi taŭgulojn, ekz. Saŝa Osincev, Lena Melnikova, Oksana Burkina. Ni bezonas multajn vere klerajn fakulojn. Mi kredas, ke en Rusio povus troviĝi deko.

La grupo 3 devus formiĝi surbaze de la unuaj du. Nun estas plena kaoso en la ILEI-donitaĵoj, oni konsideras nian sekcion neekzistanta, ĉar nur unu membro, laŭ Radojica, pagis ĉi-jare la kotizon.

Kio koncernas min kiel estraranon de REU, mi partoprenis la traktadon kun "Vostok-Zapad", rezulte de kiuj aperis la 4-libra serio de lerniloj. Mi daŭre instruis E-on kaj okupiĝis pri la praktika metodiko – kaj esperas daŭrigi tiun laboron. Mi estas aŭtoro de unu el la lerniloj de la serio "Vostok-Zapad", kiu nomiĝas "Эсперанто за месяц" ("Esperanto dum monato").

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

## EK MASI DUM LA JARO

***skizo pri la aktivadoj de EK MASI (por la REU-Konferenco)***

En tiu ĉi jaro (2006) en la klubo membras 47 kotizintaj esperantistoj.

La agado de EK MASI normale konsistas el la apartaj aktivecoj de la klubanoj. Mi emas emfazi nur kelkajn momentojn, pri kiuj oni aŭ ne scias, aŭ povos forgesi.

Tute konvene al la ĝenerala ĉi-jara strategio de REU, la klubo pli ol kutime okupiĝis pri **informado** kaj **instruado** de Eo.

Mi supozas, ke ĉi-jare ne malpli ol pasintjare ni popularigis E-on inter la gejunuloj – tra la tuta jaro – per la komunika konatiga E-kurso "FaRo" (dank' al kiu amikoj de la kursanoj kaj amikoj de amikoj ricevis pozitivan informon pri Eo, kiu iĝas pli kaj pli prestiĝa en disvastiĝantaj rondoj de junaj moskvanoj kaj multnombraj aliurbanoj, venintaj konkeri Moskvon).

Due, MASI-anoj furoris dum la Festivalo de interesoj en Ivanovo, kie ni ne nur prezentis E-on (cetere, ankaŭ en la lasta LF en Ĉeboksari ni tion faris), sed seninterrompe etosumigis la homojn ĉirkaŭ la tea majstro, kiu intercetere regule menciadis E-on; rezulte estis enorme altigita intereso al Eo inter ivanovanoj kaj ni ekhavis la brilajn partnerojn por nia ĉefa jara aranĝo – "ВсПЛЕСк-2", en la personeco de Jekaterina Kotuĥina kaj la progresema ivanova junulara organizo "Лидер", kiu brile kaj abunde kontribuis al la



*MASI-anoj inter la partoprenantoj de OkSEJT*

programo de “ВсПЛЕСк-2”.

Do, tiu “ВсПЛЕСк-2”, kiun ni poziciigas kiel neesperantan aranĝon, estas la sekva kronologie, sed la unua laŭ la populariga signifo aranĝo, kiu kolektis 160 gejunulojn, esperantistojn kaj neesperantistojn, kiuj kune umadis laŭ la, fakte, StRIGa skemo – kaj ĉiuj partoprenintoj ricevis la plej pozitivan impreson pri Eo.

Ni daŭrigis, kolektante “vspleskanojn” kaj ties amikojn en niaj hejmoj por teumadoj, komunaj ripozoj en naturo kaj la ruslingvaj “Rondoj de Legado”, por kiuj eĉ aliurbanoj al ni venadis.

Certe, novaĵo estas, ke Dmitrij Kokorev senlace kaj ĉiutage popularigis E-on en “Ekotopio-2006” (Zajeĵova, Slovakio) – la festivalo de daŭrivaj alternativoj, en kiu partoprenis homoj el la tuta Eŭropo.

Espereble, ankaŭ nia paĝaro <www.moskvo.ru>, regule renoviĝanta dank’ al Oljga Ĉerniŝova, kun abundaj fotoj kaj parte ruslingva, kontribuas al popularigo de Esperanto aŭ, minimume, de nia klubo. Por la klubanoj regule funkcias la specialaj dissendolistoj “EK-MASI” kaj “MASI-FaRo”.

Ĉu trakti la aperon de la DVD “Esperanto Elektronike” kiel popularigan agadon? Por la disko-preparo tre aktive kontribuis nia klubanino Ksenija Prilepskaja.

Gravegan rolon por popularigo de Eo havas la apero de la 4-libra serio pri Esperanto en la eldonejo “Vostok-Zapad”, ĉar ja la libroj trafos centojn da librovendejoj tra la tuta lando. Lige kun tio mi ŝatus emfazi, ke gravan organizan laboron faris nia klubano Maksim Ĵitĉenko, kolektinta la adresojn de la eldonejoj, al kiuj estis senditaj fare de REU la eldonproponoj.

Krom la jam menciita serio la eldonejo jam akceptis la manuskripton de “*Gerda malaperis* kun gramatikaj komentoj kaj ekzercaro”, preparitan de Irina Gonĉarova. La libro devas aperi en la vasta vendo novembre.

> Jozefino devigas Krukon akompani ŝin al baleto. Post la spektaklo li grumblas: “Mi neniom komprenas! Ili ĉiuj dancas sur la piedfingroj!” Jozefino: “Kio estas la problemo?” Kruko: “Kial ili ne simple dungas pli altajn dancistojn?
>
> ***(esperanto-anekdotoj)***

Jen estas logika transiro al la E-instruado. Kiel kutime, seninterrompe okazis FaRo kaj daŭrigaj kursoj. Sed ĉi-jare instruis la bazan kurson en sia oficejo ankaŭ Oleg Izjumenko. Menciindas, ke Dmitrij Kokorev ankaŭ instruis Esperanton dum la “Ekotopio-2006”. Dum la novjara semajno de ASo en Zakopane Eo estis instruata al la ekstera publiko. Al la temo “E-lernado” apartenas la fakto, ke Ksenija Prilepskaja estas studentino pri esperantologio en la universitato “Adam Mickeviĉ” en Poznan.

Laste, sed ne balaste, – ni lanĉis ĉi-februare la novan pure Esperantan aranĝon “Apero-1”, kiun partoprenis ĉ. 30 MASI-anoj kaj – ve! – nur unu aliurbano. Ni revas fari ĝin tradicia kaj esperas, ke la venontan februaron aliurbajn gejunulojn ne fortimigos la fakto, ke oni vere devos paroli nur Esperante dum ĉiuj 3 tagoj.

La klubanoj aktive vizitadas aliurbajn kaj alilandajn aranĝojn: REK-EoLA (Jekaterinburg), LF (Ĉeboksari), VER (Uljanovsk), ASo (Pollando), IS (Germanio), Pljos-IMEA (Pljos), Festivalo de interesoj (Ivanovo), EoLA (Jelec),

Aroma Jalto kaj Velura sezono (Ukrainio), UK (Italio), IJK (Bosnio-Hercegovino), FESTO (Francio), OkSEJT (Volĵskij). Pro grava kontribuo al la programo de EoLA en Jelec la klubo ricevis specialan premion.

Menciindas, ke beletraj prozaĵoj de niaj verkistinoj Jekaterina Ljubuŝina kaj Varvara Ĥoĥljuŝkina aperis en "Komencanto", REGo kaj "Scienco kaj Kulturo". Irina Gonĉarova tradukis la libron de V.V.Sipoviĉ "Sekreto de la patrino", kiu aperis en la eldonejo "Impeto". Aperis kelkaj artikoloj de niaj klubanoj en REGo.

***Irina Gonĉarova, la kunordiganto de EK MASI***

## JARLIBRO 2006 APERIS

Kun 1789 adresoj en 99 landoj la Delegita Reto de UEA en la ĉi-jara Jarlibro estas iomete pli granda ol pasintjare, kiam estis 1784 delegitoj en 92 landoj. Estas 52 ĉefdelegitoj, 1006 lokaj delegitoj, 116 vicdelegitoj, 40 junularaj kaj 1333 fakaj delegitoj. Krome en Brazilo estas 5 regionaj delegitoj. La fakaj delegitoj reprezentas preskaŭ 800 diversajn fakojn. La nombro de kontakt-informoj pri lokaj Esperanto-kluboj restas sama kiel pasintjare, 81 en 28 landoj.




La proporcio de rete atingeblaj delegitoj denove iom kreskis. Entute 1233 (68,9%) delegitoj anoncas retadresojn, dum en la Jarlibro 2005 ili nombris 1203 (67,4%). Antaŭ 10 jaroj, en Jarlibro 1996, retadresojn havis 189 delegitoj, t.e. 10,3% el la tiamaj 1830 delegitoj.

En la unua parto de la Jarlibro, eldonita ankaŭ aparte kun la titolo Gvidlibro 2006, aperas adresoj k.a. informoj pri la organoj, instancoj kaj servoj de UEA kaj TEJO, pri landaj kaj fakaj asocioj, edukaj kaj kulturaj organizaĵoj, bibliotekoj ktp. Tie troviĝas ankaŭ la Esperanto-rezolucioj de Unesko kaj la gvidlinioj de UEA por informado pri Esperanto. La Jarlibro enhavas ankaŭ multajn anoncojn kaj du rabatkuponojn de la libroservo de UEA.

Individuaj membroj de UEA povas profiti de la informa trezoro de la Jarlibro ankaŭ rete. Krom facila uzebleco por rapida serĉo de delegitoj k.a. informoj, granda avantaĝo de la reta versio de la Jarlibro estas ĝia ĝisdateco. Ŝanĝoj de adresoj k.a. donitaĵoj aperas en ĝi tuj, kiam ili estas registritaj en la Centra Oficejo, dum la presan Jarlibron ili eniros nur ĉe ties venonta eldono. Pere de la reta Jarlibro eblas krome sendi retmesaĝojn al delegitoj kaj akiri por si plusendan retadreson kun la finaĵo @uea.org. Por ekuzi la retan Jarlibron necesas unue registriĝi ĉe la retpaĝo <http://reto.uea.org>, alirebla ankaŭ per la ligilo "Jarlibro" sur la startpaĝo de la UEA-retejo <www.uea.org>. Meze de junio tiu ĉi nova servo, kiun UEA enkondukis en aprilo pasintjare, havis jam 1000 registritajn uzantojn.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2006

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva EK MASI** (+2 membroj): *Bolŝakov Roman, Skrebcov Stanislav*

**Murmanska E-klubo** (15 membroj, la listo dume mankas)

**Volgograda E-klubo "Venko"** (13 membroj): *Ĉugunkin Ilja, Ĉugunkina Anastasija, Ĉugunkina Oljga, Dronov Igorj, Dronova Viktorija, Kaŝirin Aleksej, Mironov Nikolaj, Mironova Irina, Ŝaronov Oleg, Tikejeva Saulja, Varlamova Valerija, Vnukov Vjaĉeslav, Volodina Julja*

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Ĉujko Sergej (Moskvo), Derjugin Aleksandr (Saratov), Koot Rudi (Nederlando), Kopajev Jurij (Orjola reg.), Kuznecov Miĥail (Tiĥvin), Malenko Vitalij (Moskvo), Minin Vladimir (Tomsk), Ŝevĉenko Dmitrij (Moskvo)*

REU funebras pri forpaso de du siaj elstaraj membroj, mortintaj samtage, la 20-an de aŭgusto 2006, – Aleksandras Masjukas, la prezidanto de Murmanska E-klubo kaj Sergej Bozin, kreema kaj multflanka muzikisto el Krasnojarsk. Ripozu ili en paco.

### FAMILIAJ MEMBROJ

*Mironova Irina (Moskvo)*

---

***Ĉe la adreso <http://reŭ.ru/dok/index.php?dok=membrolisto> ĉiam eblas vidi aktualan liston de la membroj.***

## KOTIZOJ DE REU POR 2006

**Individua kotizo** – 80 rubloj (por eksterrusiaj loĝantoj – 8 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron kaj/aŭ Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj.

**Dumviva kotizo** – 2000 rub. (por eksterrusiaj loĝantoj – 200 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 30 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Kolektiva kotizo** – 30 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 160 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj

laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 120 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj, escepte de la aligitaj kaj familiaj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membroj de REU aŭtomate iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn REGo-abonpagojn (poŝtmandate) sendu al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj kaj rabatitaj REGo-abonoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. **(**Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <kasisto@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso.)

---

La 17-an de aŭgusto ***Aleksandr Osokin*** fariĝis 40-jara. Versan gratulon por li verkis unu el liaj lernantoj Nikolaj Neĉajev, al kiu Saŝa instruis Esperanton en 1990:

*Estu vi ĝoja dum jubile',*
*Vivu, aktivu la korife'.*
*Venis poeto al verda popol'*
*Helpe de l' knabo el Taŝtagol.*
*Via instruo min helpis en viv',*
*Kore vekiĝis lirika motiv'.*
*Ĝoju dum festo kvardeka vi nun,*
*Jaroj multiĝu, vi restu en jun'!*

---

La 15-an de junio 2006 en la Instituto de la rusa lingvo nome de Puŝkin Svetlana Gonĉarova defendis kun la noto "perfekte" la magistran disertaĵon pri la temo "Специфика преподавания русского языка в аудитории, владеющей эсперанто" ("Specifeco de instruado de la rusa lingvo al lernantaro, posedanta Esperanton"). Scienca gvidanto – d-ro de filol. sc. S.N.Kuznecov, oponanto – kand. de filol. sc. V.V.Samodaj. ***(ek-masi)***

---

Juda taksi-ŝoforo mortis kaj atingis la pordegon de la paradizo. La anĝelo Gabrielo akceptis lin kaj post legado de lia "dosiero" decidis vesti lin per oraj vestoj kaj loĝigi lin en tre granda kaj luksa vilao.

Tuj poste alvenas rabeno. La anĝelo kontrolas liajn donitaĵojn kaj ordonas vesti lin per tre simplaj vestoj kaj sendi lin al aĉa baraketo.

La rabeno, kiu antaŭe starvice ĉeestis la akcepton faritan al la taksiisto, plendas al Gabrielo: "Mi estis granda justulo. Kiel povas esti, ke al la taksi-ŝoforo vi donis ĉiujn bonaĵojn dum al mi vi donis mizeraĵojn?"

Respondis la anĝelo: "Ĉe ni oni juĝas laŭ la rezultoj de la faroj. Kiam vi predikis en la sinagogo, ĉiuj aŭskultantoj endormiĝis. Sed kiam la ŝoforo kondukis sian taksion, ĉiuj homoj preĝis al Dio!"

***(juda anekdoto de Josef Shemer)***

# Eksciu, ke...

## IJK EN SARAJEVO



la komuna foto de IJK

La 62-a IJK (Internacia Junulara Kongreso), organizata de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo), ĉi-jare okazis la 6-13-an de aŭgusto en la ĉefurbo de Bosnio-Hercegovino Sarajevo. Ĉeftemo de la kongreso estis "Multkultureco kaj tutmondiĝo". En Sarajevo IJK okazas jam la duan fojon – la unua estis en 1973, kiam en tiutempa Jugoslavio okazis la 29-a IJK. Al ĉi-jara IJK aliĝis 420 personoj el 44 landoj (reale partoprenis ĉirkaŭ 300).

***(esper-inform)***

## SALUTVORTO DE LA NOVA TEJO-PREZIDANTO

Kiel vi eble scias, dum la IJK en Sarajevo estis ŝanĝo de prezidanto de TEJO, kaj mi volas kiel novelektita prezidanto prezenti min kaj la ĝeneralajn prioritatojn de TEJO por la venonta jaro (la estraro planas prezenti pli specifan laborplanon fine de septembro).

Pri mi mem: mi naskiĝis en Bergen (Norvegio), sed havas radikojn kaj loĝis en norda kaj centra Eŭropo, Rusio kaj Usono – do mi vidas min kiel pli eŭropano ol apartenanto al iu specifa nacieco. Nuntempe mi loĝas kaj laboras en Kopenhago (Danio) verkante mian doktoran tezon pri rusa populara muziko en Sankt-Peterburg (kie mi loĝis dum la pasintaj 1,5 jaroj). Mi enmovadiĝis en 1995/96 kaj aktivis en ĉefe GEJ, Eurokka kaj TEJO, sed ankaŭ iomete en JEFO, USEJ kaj NJE. Mia ĉefa agado estis en (kun)organizado de renkontiĝoj (IS-oj, IJK-oj kaj UK-oj), internaciaj rilatoj kaj dum la lastaj jaroj – aktivula trejnado. Ideologie mi estas pragmatikulo kaj mi ne kredas je la fina venko. Mi jes kredas je Esperanto kiel ilo por krei interpopolan komunikadon kaj tiel helpi fari la mondon pli tolerema – en la hodiaŭa mondo tio eble eĉ pli gravas ol antaŭe.



Kiel prioritatoj por TEJO dum tiu ĉi elekta periodo estas videbligi TEJO-n kaj ĝian utilon ĉe niaj landaj sekcioj. Mi dum diskutoj rimarkis ke TEJO (denove) estas vidita kiel iu abstrakta organizo iel ligita al IJK, sed krom IJK multaj ne scias kion ni faras. Aldone ni prioritate strebas plibonigi la informfluon kaj kunlaboron inter estraro, komitato kaj landaj sekcioj, trovi kaj trejni novajn aktivulojn kaj daŭrigi la laboron pri akirado de propra oficisto. Mi konscias ke la ideoj ne estas novaj, sed laŭ tio, kion mi observis, tio estas kion TEJO nun bezonas.

Sed mi kaj la TEJO-estraro ne kapablas sole agadi, ni dependas de viaj ideoj kaj komentoj. Vi povas komuniki kun ni aŭ retpoŝte <prezidanto@tejo.org> aŭ diskuti kun ni en nia forumo <http://www.tejo.org/eo/forum>. Se vi volas teni vin informita pri nia agado, tiam aliĝu al "tejo-aktuale" <http://www.tejo.org/tejo-aktuale/>. Nome de la TEJO-estraro mi antaŭĝojas kunlabori kun multaj el vi, kiuj legas tiun ĉi mesaĝon – nur kune ni povas antaŭenigi TEJO-n kaj tiel krei sanan bazon por la movado!

***amike kaj TEJO-e, David-Emil Wickström, prezidanto de TEJO***

## ZAMENHOFA SEMAJNFINO EN KALININGRAD

La "Ondo de Esperanto" kaj la Ĝenerala Konsulejo de Pola Respubliko en Kaliningrad denove invitas al Kaliningrad por la tradicia Zamenhofa Semajnfino. La 8-an de decembro 2006 (vendrede) en la Konsulejo okazos malfermo kaj akcepto kun partopreno de diplomatoj, lokaj aŭtoritatoj, sociaj organizoj, ĵurnalistoj, esperantistoj. Reprezentiĝos Esperanto-Asocioj el Germanio, Litovio kaj Pollando. Pliaj asocioj estas bonvenaj. La 9-an de decembro en la Marista Kulturpalaco (eksa Kenigsberga Borso) disvolviĝos esperantista programo kun i.a. festprelego de Aleksander Korĵenkov pri la ideologia heredaĵo de Zamenhof. En la vespera bankedo estos anoncita la rezulto de "Liro-2006". La 10-an de decembro oni ripozos kaj ekskursos. La detalojn eblas legi en la retejo <http://www.esperanto.org/Ondo/> aŭ peti ĉe la adreso <sezonoj@gazinter.net>.

Bonvenon al Kaliningrad!

## HERZBERG – OFICIALE ESPERANTO-URBO

Unika evento okazis por la Esperanto-movado: laŭ la decido de la urba konsilantaro de la germana urbo Herzberg la nova oficiala nomo de la urbo fariĝas: ***Herzberg am Harz – die Esperanto-Stadt*** (la Esperanto-urbo)!

La urbo en ĉiu kampo fiere subtenas kaj laŭ sia kapablo antaŭenigas la uzadon de Esperanto por neŭtrala internacia interkompreniĝo kaj planas uzi la lingvon por montri al la mondo siajn homajn, turistajn ktp. valorojn.

Kion la urbo jam faris kaj daŭre faras por Esperanto?

– E-lingvaj urbaj vojmontriloj montras al la Esperanto-Centro;

– la oficiala leterpapero de la urbo surhavas la novan nomon: Herzberg – la Esperanto-urbo;




*la nova emblemo de la urbo, kiu aperas sur ĉiu oficiala leterpapero*



*esperantistoj apud la t.n. Domo de Renkontiĝoj – seminariejo, konferencejo, kiun ili rajtas uzi por kursoj, kunvenoj, renkontiĝoj; en la unua vico meze kun nigra jako staras s-ro Gerhard Walter, la urbestro de Herzberg*

– E-o estas uzata por la ĝemelurbaj kontaktoj (Herzberg kaj Gora (PL) kadre de modelprojekto paralele ofertas E-on por siaj civitanoj kaj helpas la disvastigon de la lingvo por interkomunikado);

– E-arkivejo funkcias en la malnova urbodomo – parttempa dungito de la urbo zorgas pri E-rilataj aferoj (kunorganizas programojn, disdonas E-afiŝojn, alvokojn por programoj, ktp.);

– la urbo provizas (senpage aŭ ege favorpreze) ejojn por E-kursoj, konferencoj, kunsidoj, renkontiĝoj, koncertoj ktp.

En la urbo jam dum 30 jaroj aktivas Esperanto-Gesellschaft Südharz (EGS), tie situas ankaŭ Germana Esperanto-Centro (Klerigejo de GEA). Dum pli ol 30 jaroj Esperanto daŭre ĉeestas en la ĉiutaga vivo de la urbo, lokaj kaj regionaj esperantistoj senpaŭze kaj multflanke aktivis por tiu sukceso. Kompreneble estas kaj estos multaj farendaĵoj por ke dum la venontaj monatoj kaj jaroj krei unikan Esperanto-infrastrukturon por Esperanto kaj por la piloturbo Herzberg. En la E-movado bezonatas ĉies subteno, ideoj, la amasmedioj ktp. por bonkvalite merkatumi tiun unikan bonŝancon por Esperanto.

Viaj eventualaj gratulleteroj povus esti bona tuja subteno. Bonvolu adresi ilin al la urbestro Gerhard Walter laŭ la adreso <buergermeister@herzberg.de> kaj sendi kopion al EGS-estraro <esperanto-zentrum@web.de>. Dankon!

Kelkaj fotoj pri tio, kie kaj kiel Esperanto jam ĉeestas en la urbo, troveblas ĉe la adreso <http://fotos.web.de/interkultura-centro/Esperanto-urbo>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## CENTJARIĜO DE ISAE

La 24-28-an de julio en la Esperanto-Kasteleto en Tavoleto (Italio) okazis speciala aranĝo por festi 100-jariĝon (1906 – 2006) de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantista). Ĝin partoprenis 28 esperantistoj-sciencistoj el 14 landoj. Entute estis aŭskultitaj 21 diverstemaj prelegoj. Dum la inaŭguro parolis la urbestro de Tavoleto D-ro Paolucci, prezidanto de UEA D-ro Renato Corsetti, prezidanto de ISAE Prof. D-ro Rudiger Sachs.

***(landa agado)***

## LA NOVAĴOJ DE ILEI

***nova estraro, ekzamena komisiono kaj sekva konferenco en Afriko***

La 39-a konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj-Instruistoj) okazis la 25-29-an de julio en la itala urbo Parma. Temo de la konferenco estis "Lingvaj rajtoj, lingvolernado kaj edukado por ĉiuj". La konferencon partoprenis 74 esperantistoj el 22 landoj. En la programo estis Lingva festivalo, Scienca simpozio, kunsidoj de komitato de ILEI, estrarkunsidoj de ILEI, lingvaj ekzamenoj, projekto "Interkulturo" k.s. Dum la konferenco estis elektita Honora Membro de ILEI Geza Kurucz (Hungario ).

La Komitato de ILEI en sia kunsido, okazinta 26.06.2006 en Parmo, enkadre de la 39-a Konferenco de ILEI, elektis novan estraron de ILEI por la periodo 2006-2009: Radojica Petrović (Serbio) – prezidanto, Atilio Orellana Rojas (Nederlando/Argentino) – sekretario, Sjoerd Bosga (Svedio/Nederlando) – kasisto, Aida Čižikaitė (Litovio; konferencoj, scienca agado), Zsofia Korody (Germanio/Hungario; E-centroj, instrukapabligado, ekzamenoj), Yasu Kawamura (Japanio, azia agado), Mihai Trifoi (Rumanio; lerneja agado). Prizorgado de aliaj agad- kaj taskokampoj de ILEI (informado, eldonado, junulara agado, projektoj, ekstera agado...) estos ankoraŭ dividita inter la estraranoj aŭ komisiita al ekster-estraraj kunlaborantoj.

La Komitato dankis kaj la nova estraro dankas al la ĝisnunaj estraranoj Stefan MacGill, Mauro La Torre kaj Hokan Lundberg pro ilia laboro por ILEI kaj esperas daŭrigon de kunlaboro en diversaj roloj.

Post traktado de proponoj, sinproponoj kaj respondoj de pli ol 30 proponitoj por Ekzamena Komisiono (IEK) de ILEI/UEA por la trijara oficperiodo 2006-2009 konforme al la ekzamena regularo (Regularo de la elementa kaj meza niveloj de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA), la estraroj de ILEI kaj UEA akceptis la liston de 7 kandidatoj: Probal Dasgupta (Barato), Boris Grigorjeviĉ Kolker (Usono/Rusio), Mireille Grosjean (Svislando), Jorge Antonio Leoni de León (Kostariko, provizore loĝanta en Svislando), Oliver Mazodze (Zimbabvo), Julián Hernández (Kubo), Reza Torabi (Irano). La komitatoj de ILEI kaj UEA en apartaj kunsidoj, okazintaj respektive en Parmo, 2006-07-28, kaj Florenco, 2006-08-04, aprobis la 7 komisionanojn. Laŭ la ekzamena regularo IEK havas prezidanton, vicprezidanton kaj sekretarion, kiujn nomumas la Estraro de ILEI. En sia kunsido okazinta en Parmo, 2006-07-27, la Estraro de ILEI konsideris kaj aprobis la solajn kandidatiĝojn por la tri postenoj, nome: prezidanto – Probal Dasgupta, vicprezidanto – Boris Grigorjeviĉ Kolker, sekretario – Reza Torabi. Ĉi tiu decido fariĝis valida kiam la du komitatoj aprobis la konsiston de IEK.

Gratulon al la nove elektitaj prezidanto, vicprezidanto, sekretario kaj membroj de IEK kaj dankon pro transpreno de la IEK-taskoj. Dankon al la ĝisnunaj prezidanto, vicprezidanto, sekretario kaj membroj de IEK pro la plenumita laboro kaj bona kunlaboro. La estraroj kaj komitatoj de ILEI kaj UEA akceptis kaj pozitive taksis la raporton de la ĝisnuna IEK.

Taskoj de la nova IEK, koncizigite, estos: pliamasigo kaj plia disvastigo de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA; evoluigo kaj modernigo de la ekzamenoj kon-

forme al rekomendoj de la antaŭa IEK, publikaj kritikoj kaj rimarkoj pri la nuna ekzamensistemo, kontentigo de bezonoj de la E-komunumo, aktualaj metodologiaj kaj teknologiaj atingoj de lingvodidaktiko.

En la ĵus finita konferenco de ILEI la Komitato de ILEI aprobis la klopodojn organizi konferencon en Portonovo (Benino, Afriko) en 2008.

ILEI-konferenco en Afriko. Kial? Ĉar:

– Esperanto-agado en Afriko bezonas sian ILEI-dimension: en Afriko estas multaj lernemuloj kaj malmultaj instruistoj de Esperanto.

– Esperantistaj instruistoj de Afriko deziras pli firme komunikiĝi kun siaj kolegoj el la tuta mondo por: spertiĝi pri ILEI kaj lerni el ĝia historio; perfektigi siajn lingvokapablojn kaj spertiĝi pri didaktiko; plikonatiĝi kun instrumaterialoj, instruhelpiloj kaj rilataj metodoj por E-instruado.

– Afrika Esperantujo havas multon por oferti al la tutmonda Esperanto-movado, sed vojaĝoj al Esperanto-aranĝoj en aliaj mondopartoj estas tro multekostaj por esperantistoj el Afriko, la malmultaj vojaĝoj kaj vizitoj per helpo de amikoj de Afriko ne sufiĉas.

ILEI-konferenco en Afriko estos grava evento kaj por Esperanto-movado entute, kaj por historio de ILEI, kaj por E-movado en Afriko.

Partoprenu la konferencon por kuraĝigi la samideanojn en Afriko kaj omaĝi iliajn klopodojn por disvastigado de Esperanto en la tuta mondo.

ILEI kaj la Afrika Komisiono de UEA alfrontos multajn elspezojn por instrui Esperanton al afrikanoj dezirantaj iĝi instruistoj de Esperanto kaj entute por partoprenigi afrikanojn en la konferenco. Financa subteno estas tre bonvena ĉe la konto de ILEI ĉe UEA, ilek-a, kun la indiko “por Afriko”, aŭ ĝenerale al la Afrika Fondaĵo de UEA kun la indiko “Benino 2008”.

***(landa-agado)***

– Amo ĉiam memorigas al mi pri fungoj, – Kruko diras al Baniko.
– Kial amo tiel memorigas al vi pri fungoj? – demandas Baniko.
– Ĉar kiam mi komprenas, ke mi eraris, – respondas Kruko, – jam estas tro malfrue.

***(esperanto-anekdotoj)***

## VIKIPEDIO EN ESPERANTO KRESKAS

La 7-an de julio 2006 verkiĝis la 50000-a artikolo de la Esperantlingva Vikipedio. La Vikipedio estas multlingva libera interreta enciklopedio, kiun volontuloj verkas kunlabore.

Vikipedio kreiĝis en 2001, unue en la angla, sed ĝi rapide fariĝis plurlingva. Esperanto en ĝi aperis en 2002. De tiam la internacia lingvo daŭre okupas bonan pozicion inter la plej disvastigitaj kulturlingvoj de la mondo. La anglalingva vikipedio atingis unu milionon da artikoloj jam en marto 2006. La germana, franca, pola, japana kaj nederlanda vikipedioj preterpasis ducent mil. Sekvas la sveda, itala, portugala kaj hispana kun pli ol centmil. Atinginte kvindek mil artikolojn Esperanto eniras la klubon kun la ĉina, la rusa, la norvega kaj la finna. Sekvas 12 lingvoj kun pli ol dudek mil, 12 aliaj kun pli ol dek mil. Entute la Vikipedio ekzis-

tas jam en preskau cent lingvoj, inter kiuj kelkaj estas nur ekĝermantaj projektoj.

Gravas do ke en ĉi multlingva projekto Esperanto montriĝadu inter la plej gravaj lingvoj de la mondo kvankam esperantoparolantoj estas malpli multnombraj ol parolantoj de la aliaj lingvoj inter kiuj ĝi staras. Tio estas dankinda al konstantaj volontulaj penoj de la multnacia redaktantaro: miloj da kontribuintoj inter kiuj kelkdekoj tre aktivaj partoprenis por ekkonstrui ĉi vastan projekton kies celo estas provizi kiel eble kompletan fonton de sciaĵoj pri ĉiuj temoj.

En la Vikipedio ĉiu unuopa artikolo estas ligita al ĉiuj samtemaj artikoloj en ĉiuj aliaj lingvoj: sekve ĉiufoje kiam iu artikolo ekzistas en Esperanto, legantoj de la samtema artikolo en la aliaj lingvoj povas vidi, ke ĝi ekzistas, kaj povas eklegi ĝin tre facile per simpla alklako de la vorto "Esperanto" kiu aperas en la flanka strio de la paĝo.

Ju pli valora estos la esperantlingva vikipedio, des pli indos por la estontaj generacioj lerni la lingvon ĉar ili scios ke ili povos trovi helpon en siaj studoj ĉi tie. La fenomeno jam funkcias por la plej disvolviĝintaj vikipedioj: lernantoj, studentoj, instruistoj kaj ĉiu ajn pli kaj pli aliras la vikipedion por tie trovi fidindajn respondojn al siaj demandoj. La TTT-ejo de la Vikipedio kaj de ties flankprojektoj (Vikivortaro, Vikicitaro, Vikispecioj, Vikinovaĵoj, Vikilibroj...) nun staras inter la plej vizitataj ttt-ejoj en la mondo.

La vikipedian miraklon ni devas danki al la vikiteĥniko, kiu ebligas al ĉiu ajn retvizitanto tuj fariĝi kunredaktanto per simpla alklako de la ligilo "redaktu" kiu aperas sur ĉiu paĝo. Jen kial ĉi projekto tiom rapide kreskegis kaj plu kreskegadas: dekmiloj da homoj kunlaboras aldonante, korektante, plibonigante, kunligante la pli kaj pli vastan artikolaron. La timo, ke libera ttt-ejo kiun ĉiu ajn povas redakti fariĝas ĥaoso, montriĝas senkaŭza: en la realo ĉiu intenca aŭ malintenca difekto de la komuna verko estas rapide korektita de atentemaj aliaj partoprenantoj.

Aldone, en la Vikipedio en 71 lingvoj ekzistas artikoloj pri Esperanto, el kiuj 7 estis kvalifikitaj kiel elstaraj artikoloj, tio estas aparte bonkvalitaj kaj informoplenaj artikoloj. (Kompare: <esperanto.net>, la Multlingva Informcentro pri Esperanto, ekzistas en 62 lingvoj).

Konklude: pro ĉiuj tiuj kaŭzoj la Vikipedio povas signifoplene helpegi al la progreso de la ideo, kiun homoj ekhavas pri Esperanto. Vikipedio helpas Esperanton – esperantistoj kunhelpu por ke la esperantlingva vikipedio ankoraŭ pliboniĝu kaj pliriĉiĝu. La ĉefpaĝo de la Vikipedio troveblas ĉe la adreso <http://eo.vikipedio.org>, la statistikoj pri la vikipedioj en ĉiuj lingvoj – <http://stats.wikimedia.org/EO/Sitemap.htm>.

***(esperanto-l)***

## OSIEK KONFERENCO EN RUMANIO

Ĉi-jara Konferenco de OSIEK (Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj) okazis la 15-21-an de julio en la urbo Timisoara, Rumanio. Ĉeftemo de la konferenco estis "Kio estas Oriento?". OSIEK estas internacia societo, kiu celas organizadon de kiel eble plej altnivelaj kulture liberaj kaj sencenzuraj Internaciaj Esperanto-Konferencoj (IEK). OSIEK ĉiujare atribuas premion al vivanta

esperantisto pro kultura kreaĵo nefikcia en Esperanto, publikigita per ia ajn perilo (libro, kasedo, bendo, mikrofilmo, kompaktdisko...), kies amplekso egalvaloras al 100-paĝa libro. Kaze de traduko, la premio rekompencas la esperantigon, sendepende de la naturo de la originalo. Nuntempe la premio estas 600 eŭroj. Ĉi-foje ĝin ricevos Andre Cherpillod pro "Konciza Etimologia vortaro". Sekvontjare Konferenco de OSIEK okazos en Pazarĝik, Bulgario la 14-20-an de julio, kaj la ĉeftemo estos "Mitoj kaj legendoj". En 2008 la Konferenco okazos la 19-25-an de julio en Woergl, Aŭstrio. Pli multe pri OSIEK eblas ekscii en <http://www.osiek.org>.

***(esper-inform)***

## RAPORTO PRI BET-42

Baltiaj Esperanto-Tagoj-42 ĉi-jare okazis la 4-8-an de julio 2006 en Kuressaare sur la insulo Saaremaa, Estonio. La slogano de BET-42 estis "Por unueco kaj diverseco de la popoloj ĉe la Balta Maro!". La aranĝon partoprenis 137 esperantistoj el pli ol 10 landoj (Estonio, Latvio, Litovio, Finnlando, Svedio, Germanio, Hispanio, Luksemburgio, Britio, Pollando k.a.). La plej multaj estis nature estonoj – 40 personoj, latvoj estis 21, litovoj – 17. Estis honoritaj fondintoj de BET – Biruta Rozenfelde el Latvio, Zenonas Sabalys el Litovio, Mart Vabar el Estonio, Lembe Laanest el Estonio. Bone funkciis somera universitato. Okaze de BET-42 estis eldonita en Esperanto kolora faldfolio pri Saaremaa kaj Kuressaare. Ĝenerale ĉio pasis en amika hejmeca etoso.

Kadre de BET post 15-jara paŭzo denove okazis ankaŭ la amatorarta konkurso "Kannel", kion ĉiam dum BET-oj en Estonio organizas Madis Linnamägi. La ĉefpremion gajnis ensemblo "Animo" el Latvia urbo Liepāja sub gvidado de konata latva artistino Austra Pumpure. Ĉi-foje la ensemblon partoprenis 8 gejunuloj. La ensemblo ne nur partoprenis la konkurson, sed ankaŭ riĉigis la koncertan programon de BET-42. En la ĵurio de "Kannel" estis Madis Linnamägi (Estonio), Margarita Želve (Latvio), Zenonas Sabalys (Litovio), Emanuelis Dvarionas (Litovio) kaj kiel honora ĵuriano – vicprezidantino de UEA Claude Nourmont.

En koncertprogramo laŭ petoj de aŭskultantoj la kanton "Stranga somero" de la elstara latva komponisto Raimonds Pauls kantis Biruta Rozenfelde (Latvio). Veteranoj de Baltiaj Esperanto-Tagoj (antaŭe – Tendaroj), reprezentantoj de Latvio, Litovio kaj Estonio, kune kantis la kanton "Ĉe maro sukcena" (bone konata en ĉiuj tri Baltaj landoj) kaj la estonan kanton "En arbar' de Pärnumaa".

En 2007 Baltiaj Esperanto-Tagoj okazos en Litovio.

***(landa-agado)***

## ELNA KONGRESIS EN NOVJORKO

En Novjorko, la granda urbo kie loĝas la Unuiĝintaj Nacioj, la Esperanto-Ligo por Norda Ameriko kongresis kun granda kunlaboro, granda ĝojo, granda amikeco kaj granda espero. Okdek ok gesamideanoj partoprenis la 54-an landan kongreson de ELNA dum la 21-a – 24-a de julio.

La estraro kaj la ĝenerala membraro tie aprobis unuanime la buĝeton kaj laborplanon de ELNA. Tiu laborplano estas la unua laborplano por ELNA dum la pasintaj kelkaj jaroj kaj donas klaran vizion por farendaj taskoj. En tiu laborplano ni es-

primas, ke ni havas grandajn celojn por akiri novajn membrojn, ĉefe per pli aktivaj lokaj grupoj. Rilate al tiu kreskado la laborplano ligas la kvanton de membroj kun la kvanto de paĝoj en nia bulteno "Esperanto-USA". Ekzemple, kiam ni atingos 800 membrojn, nia bulteno havos dek ses paĝojn anstataŭ la nunaj dek du.

Unu el la pli gravaj ŝanĝoj estas, ke ni aprobis monelspezon por reklamado sub la rego de la Komitato por Informado. La ĉi-jara buĝeto montras 2000-dolaran negativan saldon, kiu signifas, ke ni devas multe peni por akiri novajn membrojn. Ĝenerale ni estas en sufiĉe bona stato kaj havas nenian kialon por ne kreski.

Ni nomis komitaton por trovi novan direktoron de la Centra Oficejo de ELNA. Don Harlow, la direktoro de la CO anoncis ke li ne plu povos labori pro malsano. Laŭplane, ni havos la novan dungiton en la oficejo komence de novembro. Tiu kaj Don laboros kune dum kvar monatoj por fari la ŝanĝon glate.

Elektitaj al la estraro estis Lusi Harmon (ree), Joel Amis (ree) kaj Trevor An-




*la komuna foto de la kongreso*

drews (nova estrarano!). Ankaŭ Vilĉjo Harris estas la kasisto denove. Ni havas bonan estraron por ELNA, sed la ĉefa laboro restas ĉe la lokaj grupoj. Tie la membroj agas aktive kaj daŭre.

Ni unuanime aprobis la proponon kongresi en Tiĥuana, Meksikio, de la 27-a ĝis la 30-a de julio 2007. Tio estos la 55-a landa kongreso de ELNA. Planu nun ĉeesti! Certe tio estos ege bona kongreso, kaj eble la plej granda. Ni aprobis, ankaŭ unuanime, proponon rekomendi kiel eble plej forte partoprenadon en la Tut-Amerika Kongreso de Esperanto (TAKE), kiu okazos en Kalgario, Kanado, de la 20-a ĝis la 26-a de majo 2007.

Ni ĝuis ne nur la kunsidojn (plenkunsido de ELNA, aferkunsido de AAIE, fakaj kunvenoj ks), sed ankaŭ la bankedon kun bongustaj manĝaĵoj. Ĉe la bankedo ni aŭkciis donacitajn objektojn por akiri monon por ELNA. Multajn dankojn al la loka kongresa komitato (LKK), kaj aparte al Tomaso Eccardt kaj Jim Henry, kiuj

faris bonegan laboron por plani, organizi kaj realigi la kongreson. Vidu fotojn ĉe <http://esperantofre.com/elna06/>.



*la Estraro de ELNA*

La "Retslamo", internacia poezia konkurso, okazis dum la distra vespero. Por originala poezio la 1-an rangon gajnis Leonido Ŝindeleviĉ, rusdevena kanada poeto. Por neoriginala deklamado venkis Ĝerardo Tobias (el Pollando, Usono). Okazis ankaŭ aliaj ludoj. Ĵenja kaj Joel Amis gastigis amuzegan vortludon pri PIV-aj (kontraŭ ne-PIV-aj) difinoj.

La kongreso okazis ĉe FIT, la "Fashion Institute of Technology". Multaj ĉeestantoj ekskursis en la urbo, ekz. al la supro de la Imperi-ŝtata Konstruaĵo, al la Statuo de Libereco, al la Unuiĝintaj Nacioj kaj al Kafejo "Esperanto". La kulturo en Novjorko, miksaĵo de multaj naciaj kulturoj, estas ĉie, en muzeoj, en la metroo, en la busoj, surstrate kaj, certe, en la multaj interesaj restoracioj.

Unu el la plej gravaj eventoj estis, ke ni unuanime donis honoran membrecon al Don Harlow, kiu sindone laboris multe, ne nur en la Centra Oficejo de ELNA, ne nur kiel iama prezidanto de ELNA, ne nur por tiu fama retpaĝaro pri literaturo, sed multflanke por la movado en Usono kaj tutmonde. Ni dankas, dankegas al Don por la bona laboro.

Ĉi tiu raporto ne vere ĝustas, ĉar mankas la vortoj por priskribi la riĉan etoson kaj feliĉan amikecon, kiujn la samideanoj spertis dum la landa kongreso de ELNA, en Novjorko, la "Granda Pomo".

***Phil Dorcas, prezidanto de ELNA***

## NI LERNIS KUNVIVADI

"Lernu kunvivadi" estis la ĉeftemo de la 41-a Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Campinas (SP), de la 15-a ĝis la 19-a de julio. Kaj tiu estis la etoso kiu regis dum la tuta evento.

Multe helpis tiun sanan kunvivadon de ĉiuj partoprenantoj la trafa elekto de la Kongresejo, "Espa Arcadas", en plena urbocentro de Campinas. Proksime de la enirejo taŭga halo, kie distribuiĝis pluraj standoj de diversaj organizaĵoj, arigis la kongresanojn en agrablaj interparoloj kaj profitdonaj interŝanĝoj de ideoj kaj spertoj. En apuda ĉambro la ĉiam interesa libroservo de BEL ofertis librojn kaj aŭdvidajn materialojn.

Tamen ne nur tiaj aferoj allogis la 400 gekongresanojn, kiuj venis el pluraj partoj de Brazilo kaj eksterlando (almenaŭ mi informiĝis pri la partopreno de 3 argentinanoj, 2 usonanoj, hispano, franco, portugalo, polino, sudkoreo). Interesaj prelegoj, utilaj fakaj laborkunsidoj, kursoj, porjunularaj programoj (en la sino de la 26-a Brazila Junulara Kongreso de Esperanto), ĉarma infankongreseto, asembleo de

BEL, projekciado de filmoj parolataj aŭ kun subtekstoj en Esperanto – estas nur kelkaj el la multaj alternativoj proponitaj al la kongresanoj. Ĉar ne estis eble al mi ĉeesti ĉiujn eventojn, mi elstarigos kelkajn el inter dekoj da ili al kiuj mi sukcesis iri: *La tradukarto de Porto Carreiro Neto* (prelego de Floriano Pessoa); *La sono de simfonia orkestro* (prelego de Alfredo Aragon); *Kial Machado de Assis* (prelego de Paulo Sergio Viana); *Telepatio: fakto aŭ fantazio* (prelego de Francisco Stefano Wechsler); *La patro de Hodler* (prelego de Pedro Cavalheiro); babilado kun E-artistoj (ene de la programo de BEJO-Kongreso).

Aliaj elstaraj programoj estas la artaj horoj: Muzikumo kun JoMo (tre lerta franca muzikisto kaj kantisto!), prezentado de la argentina artisto Alejandro Cossavella, prezentado muzika kaj poezia de Neide Barros Rego, prezentado de la poeto, komponisto kaj kantisto Tarcisio Lima, prezentado de la repisto Antonio Moreira Filho, debuto de la grupo “Supernova” kaj de la arta talento de Jose Lunazzi. Estis lanĉita la tiom atendata DVD de “Gerda malaperis” fare de “Imagu Filmo”, sub la kompetenta gvidado de Joe Bazilio Costa kaj Karen Pereira.

Resume: tre bunta kaj interesa brazila E-kongreso, bone organizita de niaj samideanoj el Campinas. Niajn sincerajn gratulojn al la Loka Organiza Komitato! Saŭdadante pri Campinas, sed ni jam prepariĝas por la 42-a BKE, kiu okazos venontjare en Rio de Janeiro de la 8-a ĝis la 13-a de julio, kun la ĉeftemo “Cent jaroj de E-Movado en Brazilo: Strategioj por la Estonto”.

***Aloisio Sartorato (Brazilo), el <landa-agado>***

## KONGRESO DE SAT

La 19-26-an de aŭgusto en la ĉefurbo de Serbio Beogrado okazis la vica, 79-a kongreso de SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda). Ĝin partoprenis 153 esperantistoj el 26 landoj. Krom kvar laborkunsidoj, en kiuj membroj de SAT pritraktis laboron kaj estonton de la asocio, okazis interesaj ekskursoj, distraj programoj, debatoj kaj kunvenoj de diversaj frakcioj de SAT. Tiu ĉi SAT-Kongreso estas jam la dua, kiu okazis en Beogrado – antaŭ 50 jaroj en 1956 ĉi tie okazis la 29-a kongreso de SAT. Pli detale pri SAT eblas ekscii en la retejo <http://satesperanto.free.fr/sat.html>.

***(landa agado)***

## NOVAJ PLANOJ POR MALNOVA KONTINENTO

Esperantistaj donacintoj ebligis mirindajn aferojn, pro kiuj eble la afrikanoj mem ne dankos ilin, ĉar ofte la afrikaj esperantistoj ne scias pri la konkretaj donacintoj. Ili ebligis la ĉi-jarajn naciajn kongresojn en Burundio kaj Niĝerio, ili ebligis la restarigon de la Afrika Oficejo de UEA en Benino kaj la renovigon de la inform- kaj instru-materialo, kiun vi povas vidi en <http://www.afriko.org/>. Sed ĉefe ili ebligis al multaj afrikanoj ricevi materialon pri Esperanto. Multaj el ili, cetere, ne nur finance subtenas, sed ankaŭ fizike partoprenas la sendadon de lernolibroj al bezonantoj.

Mi devas danki la donacintojn nome de tiuj gejunuloj, kiuj nun lernas Esperanton pere de la nigra tabulo, por kies aĉeto esperantistoj provizis la rimedojn. Tiu




nigra tabulo estas starigita sub grandega ombro-dona arbo, apud Lilongwe, ĉefurbo de Malavio, kaj la instuisto skribas sur ĝi vortojn en Esperanto, kiujn la lernantoj sidantaj sur la grundo kopias sur siaj kajeroj. Ili estas en pli bona situacio ol tiuj multaj, kiuj havas nek kajerojn nek nigran tabulon.

Nun ni havas grandajn planojn por Afriko. Interalie esploroj pri aranĝado de internacia Esperanto-konferenco en la jaro 2008 en Afriko jam komenciĝis. Tute aparta programo, kies nomo estas "Esperanto-Instruistoj por Afriko", celas instrui centon da afrikanoj, kiuj jam parolas Esperanton, por ke ili ricevu la instruistan diplomon okaze de tiu internacia konferenco en 2008. Ili komencas sian pretiĝadon en ĉi tiu jaro. Ĉio ĉi okazas aldone al la rutina laboro de informado kaj instruado. Ĉi tiu granda fortostreĉo bezonas vian atenton. "Fondaĵo Afriko" dankas vin anticipe nome de la afrikaj informotoj kaj lernontoj.

La pago-manieroj estas la kutimaj pagomanieroj al UEA kun la indiko "Fondaĵo Afriko".

***Renato Corsetti (Italio)***

## BOATADO 2006

La 2-4-an de junio 2006 okazis la tradicia jubilea, jam la 40-a, boatado tra lagaro de Ignalina en la nacia parko de Aukstaitija. La aranĝon tradicie organizas Vilniusa junulara E-klubo "Juneco". Ĉi-jare la boatadon partoprenis 21 esperantistoj – ĉefe litovaj gejunuloj kaj unu gasto Murad Mamedov el Kievo (Ukrainio). Inter la partoprenintoj estis 6 novuloj, antaŭnelonge finintaj Esperanto-kurson. La programo estis tradicia – dum tri tagoj oni traboatis pli ol 20 lagojn kaj lagetojn, vizitis laŭvojajn vidindaĵojn, kantis. Estis bona okazo por praktiki Esperanton en bonega etoso en bela naturo.

***(esper-inform)***

## MONDVOJAĜANTO EN UKRAINIO

La 13-18-an de julio 2006 en Odessa gastis dum sia ĉirkaŭmonda vojaĝo Marino Curnis, 33-jara itala ĵurnalisto, poeto, muzikisto, pentristo, fotisto kaj simple tre bona homo. Ekde la 9-a januaro ĉi-jare li estas survoje; kaj finiĝos tiu vojo nur post 5 jaroj kaj 52000 kilometroj. Sed la plej admirinda afero estas, ke li iras perpiede!

La ideo pri tutmonda vojaĝo venis al li ankoraŭ en knabaĝo, kiam li legis pri

vojaĝoj de Aleksandro la Granda kaj Marko Polo. Kaj nun li realigas sian revon, irante laŭ la itinero, kiu kunigas ĉiujn antikvajn vojojn: Italio – Svislando – Aŭstrio – Hungario – Rumanio – Bulgario – Moldavio – Turkio (ĉirkaŭ la Nigra maro) – Kartvelio – Ukrainio – Rusio – laŭ la Silka vojo al Ĉinio – Koreio – Japanio; kaj reen: same ĝis Rusio – Belorusio – Pollando – Ĉehio – Germanio – Aŭstrio – Svislando – Italio.

> Infano demandas sian patron:
> – Paĉjo, kiel nomiĝis la bopatrino de Adam?
> La patro respondas:
> – Kara filo, Adam ne havis bopatrinon, li loĝis en Paradizo.
> ***(el "Bulgara Esperantisto")***

Eĉ aŭskulti tiun liston vekas admiron kaj ravon; sed ni povas nur envii al li, dum li povas FARI. Li venis al la vojo por ekvidi la mondon, konatiĝi kun bela kaj bunta riĉeco de ĝiaj kulturoj, kaj porti al ĉiu el ili mesaĝon de paco. Li intencas verki librojn kaj eldoni fotoalbumojn pri sia vojaĝo, por dividi siajn impresojn kun ni, por ke ankaŭ ni ekvidu kaj eksentu iom da vasta kaj amikeca mondo, kiu ĉirkaŭas nin.

En Odessa li renkontis varman akcepton. Lin intervjuis 3 lokaj TV-kanaloj, 2 radiaj kanaloj kaj 6 periodaĵoj, el kiuj 2 estas tutlandaj. Dum speciale aranĝita gazetara konferenco li renkontiĝis ankaŭ kun la anoj de 2 odesaj Esperanto-kluboj: "Blanka akacio" kaj "Verdaĵo". Lia restado, ekskursoj kaj kontaktoj estis organizitaj de la klubo "Verdaĵo". Nun Marino ekiris al Krimeo, kie lin atendas la gastama Jalta klubo "Tero" kun Jefim Zajdman.

Bonan vojon kaj sukcesojn al vi, Marino!

***Tatjana Auderskaja (Ukrainio)***

## ESPERANTO EN TERAPIO

Ekde la 1-a de marto ĝis la 1-a de septembro 2006 en Vilniusa Respublika psikiatria hospitalo oni lanĉis novan metodon de kuracado de longdaŭra skizofrenio per instruado de lingvoj (lingva terapio) aŭ metaglosoterapio, tiel formante novan personecon. Tiun ĉi kuracmetodon antaŭ 30 jaroj proponis litovdevena usona psikiatro kaj psikoanalizisto kandidato por Nobelpremio Anatole C.Matulis, nun laboranta en nacia instituto pri neŭrologiaj kaj psikologiaj studoj en la usona urbo Miĉigan. En la hospitalo de Vilnius estis formitaj du grupoj po 8 personoj – unu grupo lernas la anglan lingvon, la alia – Esperanton. Lecionoj estas 3-foje semajne po 35 minutoj. Esperanton instruas vilniusa esperantisto Valdas Banaitis, kiu mem profesie estas psikiatro. Laŭ asertoj de kuracistoj jam sentiĝas tre bona efiko de tiu kuracmetodo al la pacientoj. En junio komeciĝis psikologiaj kaj neŭrofiziologiaj esploroj de pacientoj en la unua etapo de la kuracado. Aŭtune oni planas prezenti rezultojn de kuracado per tiu metodo en speciala faka konferenco. Pri ĉio ĉi la 8-an de junio amplekse informis litovlingva retgazeto <www.delfi.lt>.

***(esper-inform)***

## GERMANA E-KONGRESO

La 2-5-an de junio 2006 en la germana urbo Braunschweig okazis la 83-a Germana Esperanto-Kongreso. Ĝin partoprenis 204 esperantistoj el Germanio kaj multaj eksterlandaj gastoj (Hungario, Danio, Brazilo, Ĉeĥio, Litovio, Italio, Belgio, Nederlando, Rusio, Slovenio, Pollando, Svislando, Hispanio, Aŭstrio, Luksemburgio, Francio, Irlando k.s.). La Kongreson partoprenis kaj koncertis en ĝi 4-persona ensemblo "Asorti" el la litova urbo Visaginas. Postkongreso okazis en Herzberg, kie krom ĉio alia estis vizitita Internacia Esperanto-Centro.

***(esper-inform)***

## ĈIĈERONOJ EN ESPERANTO

En la retejo pri vojaĝebloj en Litovio (Oficiala litova vojaĝgvidilo) <www.travel.lt>, kiun prizorgas la ŝtata departamento pri turismo de Litovio, krom amaso de diversaj aliaj informoj estas listo de ĉiĉeronoj en diversaj lingvoj. Inter 28 lingvoj, en kiuj troveblas ĉiĉeronoj en Litovio, estas ankaŭ Esperanto. Plena listo de esperantlingvaj ĉiĉeronoj troveblas laŭ jena adreso: <http://www.travel.lt/turizmas/catalog/categories.jsp?catId=56508&inlanguage=lt>. Tie estas listigitaj 7 ĉiĉeronoj de la dua kategorio, du ĉiĉeronoj de la unua kategorio kaj 5 ĉiĉeronoj de la supera kategorio (vere, unu jam estas mortinta). Estas donitaj ankaŭ retadresoj kaj telefonnumeroj de la listigitaj ĉiĉeronoj. Ili estas el Vilnius, Kaunas, Siauliai, Jurbarkas, Palanga. Tiu ĉi retejo funkcias ekde 2004 en tri lingvoj – litove, ruse, angle.

***(esper-inform)***

## LITOVIO RESPONDIS ADEKVATE

Kiel estas konate, dum kelkaj lastaj jaroj ambasadoro de Belgio en Litovio estis esperantistino Marie-Louise Vanherk. La 10-an de aŭgusto 2006 per sia dekreto prezidento de Litovio Valdas Adamkus nomumis f-inon Nijole Žambaite al la posteno de ambasadoro de Litovio en Belgio. Antaŭ tio ŝian kandidatecon aprobis parlamenta komitato pri eksterlandaj aferoj, estis ricevita konsento de la registaro de Belgio, ŝia kandidateco estis aprobita fare de la registaro de Litovio. Nijole Žambaite ankaŭ estas esperantistino, perfekte parolas la lingvon kaj bone konas Esperanto-movadon. Dum 1970-1980 ŝi aktive agis en Vilniusa junulara Esperanto-klubo "Juneco". Post sendependiĝo de Litovio ŝi transiris al diplomatia servo kaj dum kelkaj jaroj laboris en litoviaj ambasadejoj en Londono kaj Vaŝingtono kiel ekonomia ataŝeo, poste oficis en la ministerio pri eksterlandaj aferoj de Litovio, en la departemento pri ekonomia strategio. Dum 2004-2005 Žambaite estis konsilantino de Litovia prezidento pri ekonomia strategio. Dum 2005-2006 ŝi estis direktorino de la departemento pri politiko de ekonomia sekureco en la ministerio pri eksterlandaj aferoj. Profesie ŝi estas ekonomiistino. Tiamaniere grupo de diplomatoj-esperantistoj en Bruselo kreskas. La nova litova ambasadorino en Bruselo ekoficos komence de septembro.

***Povilas Jegorovas (Litovio)***

## 7-A INTERNACIA HIMALAJA RENKONTIĜO

Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la sepan 13-tagan Internacian Himalajan Renkontiĝon en 2007 por konigi sian landon al alilandaj e-istoj. Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate naturan, etnan kaj kulturan diversecon. Partoprenante la renkontiĝon, vi havas ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun nepalaj kaj alilokaj e-stoj kiuj partoprenos la samajn programerojn.

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en la valo Katmando, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Tie vi povos vidi kiel nevaroj kaj tamangoj, la originaj etnoj de la valo, restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ multflanka moderniĝo de la valo. La ĉefa parto de la renkontiĝo estos vojaĝo al alia granda valo de Nepalo, Langtang, situanta norde de Katmando je 100 kilometroj. Langtang ĝuste nomiĝas la valo de glaciriveroj. Ĉi tie montoj leviĝas al la ĉielo. La regiono estas plena de kristalaj lagoj, altaj pasejoj kaŝataj sub nebulo. De Sjaprubesi (2120m) vi entreprenos sestagan laŭrondan piedvojaĝon ĝis Timure (1762m) kaj Rasuvagadi (1814m) tra Langtang. Vi ankaŭ ĝuos majestajn vidaĵojn de Ganes, Langtang, Himalĉuli, Manaslu k.a. Tie vi povos observi la vivon kaj kulturon de la etna popolo, precipe tamangoj, jolmoj kaj gurungoj. Plejparte ili estas tradicie terkultivistoj kaj bredistoj. La tamangoj estas famaj pro siaj honestaj pensmanieroj kaj pro siaj ravaj danca kaj muzika tradicioj. Ilia religio parencas al Bon kaj prabudhisma doktrino de Tibeto. La montaro tie estas kovrita de arbaro de rododendro, la belega nacia floro de Nepalo. Vi ankaŭ ĝuos vidojn de nigraj simioj, cervoj, moskuloj ks. kaj diversaj specoj (pli ol 250) de montaraj birdoj. Ĉi-foja itinero estas en preskaŭ virga areo, ne difektita pro troa turismo. Post Langtang, vi veturos al Daman (3210), alia fama feriejo montara sude de Katmando. Tie vi spektos vidojn neforgeseblajn de ĉiuj himalajaj montareroj kaj pintoj inkluzive Evereston. La programo estas planita tiel, ke ĝi taŭgu al ĉiuj aĝgrupoj.

Dum via restado vi loĝos en bonkvalita hotelo en Kathmando kaj en komfortaj gastejoj dum montara piedvojaĝo, estos ebleco de pagenda hejmloĝo ĉe vilaĝa familio. Ĉiuj manĝkostoj kaj aliaj kostoj en Nepalo estas inkluzivitaj en la aliĝkoston escepte de asekuro. La kotizo por rusianoj estas de 450 ĝis 550 usonaj dolaroj depende de la aliĝperiodo. Ĝi validas por dulita ĉambro. La adreso de 7-a IHR: Komitato Nepala Esperanto-Asocio G.P.O. post box no: 8974 cpc 102 Kathmandu, Nepal. Retadreso: <esperanto@wlink.com.np>.

Vi havas amikojn en Nepalo!

***(esper-inform)***

## JUBILEO DE "JUNECO"

La 14-an de julio ĉe lago Tapeliai proksime de Vilnius estis festata 45-jariĝo de Vilniusa junulara Esperanto-klubo "Juneco". La festan aranĝon partoprenis pli ol 20 personoj – nunaj kaj estintaj membroj de la klubo. Partoprenis la fondinto kaj la unua prezidanto de la klubo, nuna redaktoro de "Litova stelo" Vytautas Ŝilas. Estis videblaj ankaŭ kelkaj aliaj estintaj gvidantoj de la klubo (Kazys Svidenis, Kazys Tamosetis k.a.). Prezidanto de tiu ĉi junulara klubo dum 1974-1976 estis ankaŭ la

nuna prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas. La klubo kreskigis multajn litovajn movadajn aktivulojn kaj gvidantojn. Nun la klubon gvidas Olga Strojeva. Programo de la aranĝo ĉefe estis distra.

***(esper-inform)***

## TURNEO TRA FRANCIO

En pasinta printempo laŭ invito de francaj esperantistoj mi faris turneon tra la nord-okcidenta parto de Francio. Min gastigis kluboj kaj grupoj en pli ol dudek urboj en Normandio, Bretonio kaj kelkaj aliaj regionoj. Dum mia ne ĉiam facila vojaĝo mi traveturis aŭte kaj trajne preskaŭ kvar mil kilometrojn nur ene de Francio. Ankoraŭ kelkajn semajnojn post la hejmreveno mi ĉiunokte inkubsonĝis, ke mi ankoraŭ veturas, veturadas, kaj mi vekiĝis en malvarma ŝvito... Do, preskaŭ ĉiutaga ŝanĝo de la urboj, dormlokoj, ĉirkaŭantaj min homoj kaj pakado de la valizo iĝis dum tiu ĉi monato por mi nepraĵo, kiel brosado de la dentoj.

Mi disponigis kelkajn prelegtemojn, sed la ĉefa temo, pri kiu interesiĝis la francoj, estis Taĝikio, do mi prelegis pri mia devenlando. Evidentiĝis, ke la plejmulto de la francoj havis pri ĝi neniun imagon kaj multon demandis pri la lando ankaŭ post la prelegoj. Aparte gejunuloj, studentoj kaj liceanoj, havis multajn kaj profundajn demandojn. Esperantistoj ĉie (escepte de la klubo en St. Nazaire, kie unusola gastigantino devis mem deĉifri Esperanton) simultane tradukis la tutan prelegon por neesperantistoj kaj komencantoj.

La klubo en la urbeto Herouville krom tio aranĝis publikan legadon de miaj rakontoj en la urba biblioteko kun postaj demandoj de la sufiĉe multnombra ne nur esperantista publiko. Ankaŭ la aktoroj, voĉlegantaj la tekston, ne estis esperantistoj. Por tiu ĉi vespero la heruvilaj legemuloj perfekte prepariĝis: jam en antaŭaj monatoj ili tradukis en la francan kelkajn miajn rakontojn. Tiu ĉi klubo estis la plej granda kaj aktiva el ĉiuj, kiujn mi vizitis.




Aliaj kluboj preferis aldone al la ĉefa temo kantadon, do ni kantis kune kantojn en Esperanto aŭ mi sola kantis por ili. Almenaŭ dum mi havis la voĉon. En la meza parto de la turneo oni ekster la plano kaj sen demandi min tiel densigis la jam sufiĉe streĉan programon, ke mi devis prelegi ĉiutage, eĉ dufoje tage. Tio tute ne plaĉis al mia voĉo, kiu komence raŭkis, kaj poste preskaŭ malaperis... Kiam mi plendis pri la neplanitaj troaj prelegoj, francoj respondis al mi, ke "estas normale ekspluati prelegantojn".

Min mirigis kaj kortuŝis la fakto, ke en kelkaj kluboj mi vidis la malnovan konaton, mian libron "La Bato", kiun Esperanto-lernantoj uzis kiel



lerno(lego)libron. Eksciinte, ke mi vizitos iliajn klubojn, la gelernantoj preparis demandojn pri la herooj de miaj rakontoj kaj petis aŭtografojn, kiujn ili, kompreneble, ricevis.

Aparte impresis min, dum la tuta vojaĝo, entuziasmo kaj respondeca, preskaŭ profesia prepariĝo de multaj esperantistaj grupoj kaj ties gvidantoj al mia vizito. Ĝi multloke estis anoncita en lokaj gazetoj, kaj krome oni preparis – en ĉiu urbo alian – allogan reklamfolion, kiu estis metita je dispono en bibliotekoj, kulturorganizaĵoj, vendejoj aŭ simple algluita al la montrofenestroj tiel, ke ĉiu povu legi la informon. Tiel oni kutime faras pri gastprelegantoj, klarigis al mi la esperantistoj. Kelkaj el gastigantoj montris al mi eĉ malgrandan galerion de afiŝoj pri E-prelegantoj de antaŭaj jaroj.

Kiel rezulto de tia bonega reklamo por Esperanto okazis foje, ke post mia prelego unu-du personoj el la publiko alparolis la kursgvidanton, dezirante lerni Esperanton. Precipe junuloj, liceanoj kaj studentoj ne longe pensis, ĉu indas aŭ ne indas lerni Esperanton. Kaj tio, certe, estis la plej bona rekompenco de ĉiuj miaj klopodoj kaj streĉoj.

***Lena Karpunina (Germanio)***

---




Antaŭnelonge en Ivanovo mi vizitis la tombon de Lena Lebedeva por meti florojn kaj iom mediti apud ŝi. Jen estas la monumento – ĝi estas kliniĝinta kaj baldaŭ falonta, se ne okazos riparo – cetere, negrava. Se mi kunhavus krikon, eblus ripari tuj dum duonhoro aŭ iom pli. Sed mankis la ilo. La parencoj de Lena malsanas, do preskaŭ ne vizitas la tombon, des pli ne kapablas ripari la monumenton. Mi petas tiujn, kiuj iam skribis sur la monumento “Ni amis vin”, solvi la problemon, vokate de la memoro pri Lena.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

la verda KoRo

kultura revuo

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2006

**POEZIO**: 1-a premio: Francisco Javier Moleón (Hispanio) pro “Sed tiam” kaj Christian Riviére (Francio) pro “Kvankam silenti”; 2-a premio: Neide Barros Rego (Brazilo) pro “Mistero”; 3-a premio: Helena Melnikova (Rusio) pro “Mia lando”. Partoprenis 33 verkoj de 18 aŭtoroj el 12 landoj.

**PROZO**: 1-a premio: Paul Gubbins (Britio) pro “Nia paradizo bonvenigas”; 2-a premio: Tim Westover (Usono) pro “Meduzet”; 3-a premio: Sten Johansson (Svedio) pro “Tomatoj el Nederlando” kaj Lena Karpunina (Germanio) pro “Trovi kaj perdi”. Partoprenis 17 verkoj de 11 aŭtoroj el 9 landoj.

**ESEO**: Premio “Luigi Minnaja”: Aleksandr Melnikov (Rusio) pro “Ekparolu por ke mi vin vidu – aŭ ĉu esperantisto rekoneblas laŭ paroloj”; 2-a premio: Christian Riviére (Francio) pro “Tamen kompreni” kaj Jan Werner (Ĉeĥio) pro “Pri bono, malbono kaj multkulturismo”; 3-a premio: ne aljuĝita; honora mencio: Anna Bennett (Usono) pro “Neperforta komunikado”. Partoprenis 9 verkoj de 9 aŭtoroj el 8 landoj.

**TEATRAĴO**: 1-a kaj 2-a premioj: ne aljuĝitaj; 3-a premio: Marko Nikoliĉ (Serbio) pro “Nia diligenta kolegaro”; honora premio: Li Shijun (Laŭlum; Ĉinio) pro “Cignoj”. Partoprenis 4 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

**KANTO**: 1-a premio: ne aljuĝita; 2-a premio: Anja Karkiainen (Finnlando; teksto) kaj Tarcísio José de Lima (Brazilo; muziko) pro “Multe pli ol simpati’” kaj pro “Oraj horoj”; 3-a premio: ne aljuĝita. Partoprenis 12 kantoj de 10 aŭtoroj el 5 landoj.

**INFANLIBRO DE LA JARO 2005**: “Arne, la ĉefido” de Leif Nordenstorm (Svedio), eldonita de “Kava-Pech” (Ĉeĥio). Partoprenis 2 libroj de 2 eldonejoj el 2 landoj.

**FILMO**: 1-a kaj 2-a premioj: ne aljuĝitaj; 3-a premio: Joe Bazilio Costa (Brazilo) pro “Tiel estas la vivo”; honora mencio: Kim Henriksen (Danlando) pro “Tri muzikvideoj”. Partoprenis 2 konkursaĵoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## JAM LA 9-A ELDONO DE LA ZAMENHOFA HAMLETO

“Hamleto, reĝido de Danujo” aperis en sia naŭa eldono ĉe UEA sojle de la Florenca UK. Tiu verko de William Shakespeare estas unu el la plej famaj dramoj en la monda literaturo, kaj ĝia Zamenhofa traduko estis la unua granda mejloŝtono

en la evoluo de Esperanto kiel literatura lingvo. D-ro L.L.Zamenhof aperigis fragmenton de sia traduko jam en 1893, kaj la unua eldono de la plena traduko aperis en 1894, nur sep jarojn post la apero de la Unua Libro.

La nova eldono konsistas el represo de la 8-a eldono el 1964, kiun editoris akademiano D.B.Gregor. La 8-a eldono fidele redonis la originalan Zamenhofan tradukon laŭ la unua eldono, forigante la ŝanĝojn, kiujn en la 2-a eldono enkondukis de Beaufront, verŝajne sen konsento de Zamenhof, kaj kiuj restis ankaŭ en postaj eldonoj. Tre valoraj kaj prilumaj estas la enkonduko kaj piednotoj de Gregor. Novaĵo en la 9-a eldono estas la postparolo de la gvida Esperanta ŝekspirologo Humphrey Tonkin. En la unua parto de sia eseo Tonkin analizas kaj interpretas la dramon mem, kaj en la dua parto li prezentas ĝian signifon el la vidpunkto de la lingva evoluo de Esperanto.

"Hamleto" estas la tria verko de Ŝekspiro lastatempe eldonita de UEA. En 2003 aperis "La vivo de Henriko Kvina" kaj ĉi-jare – "La vintra fabelo", ambaŭ esperantigitaj de Humphrey Tonkin. Ankoraŭ havebla estas ankaŭ "La tragedio de Reĝo Lear", kiun UEA eldonis en 1966 en traduko de Kolomano Kalocsay. Menciindas, ke "Hamleto" estas aĉetebla ankaŭ en la pli moderna traduko de L.N.M.Newell, kiu aperis ĉe "Stafeto" en 1967 sub la nomo "Hamleto, princo de Danujo".

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## AMPLEKSA DVD PRI ESPERANTO

Senpere antaŭ Florenca UK aperis multlingva (entute estas uzataj 25 lingvoj), la plej ampleksa ĝis nun kolekto de diversaj informoj pri Esperanto en formo de DVD. Ĝi estas rezulto de la projekto "Esperanto elektronike", kiun efektivigis la grupo E@I (Esperanto ĉe Interreto). Tiu ĉi disko celas informi pri Esperanto, helpi al dezirantoj ĝin lerni, konatigi kun kulturo de Esperanto. Dezirindas, ke informoj el tiu disko atingu laŭeble plej multajn homojn. Retpaĝo de tiu projekto estas <www.esperantodvd.net>. Dum Florenca UK en la kongresa libroservo la aŭtoro de la projekto Peter Balasz prezentis ĝin kadre de aŭtora duonhoro. En tiu DVD estas: muzikverkoj en Esperanto, ludoj en Esperanto, diversaj informoj pri Esperanto, scienca literaturo pri Esperanto, komputilaj programoj en Esperanto, instruiloj de Esperanto, fotoj el Esperanto-aranĝoj, revuoj en Esperanto, libroj en Esperanto, artikoloj en Esperanto (el Vikipedio), artikoloj pri Esperanto (el Vikipedio), filmo pri Esperanto, koncerteroj, videokurso de Esperanto, kelkŝtupaj kursoj de Esperanto en diversaj lingvoj, scienca literaturo en Esperanto, projekto "Pasporta servo", interesaj ligoj al diversaj retejoj, vortaroj ks. Eblas donaci tiun DVD al universitatoj, aliaj superaj kaj alispecaj lernejoj, diversaj edukaj institucioj, bibliotekoj, ŝtataj instancoj, politikistoj ks.




***(esper-inform)***

## NOVAJ ELDONAĴOJ DE UEA LANĈITAJ EN FLORENCO

Kiel la plej granda ĉiujara kolektiĝo de la parolantoj de Esperanto, Universala Kongreso de Esperanto estas natura okazo por lanĉi novajn librojn. Do UEA prezentis en la ĉi-jara UK en Florenco plurajn novajn titolojn. La plej fama el ili estas la nova eldono de la Zamenhofa traduko de "Hamleto, reĝido de Danujo". Por multaj kongresanoj UK estis la unua okazo por konatiĝi ankaŭ kun alia ŝekspiraĵo, "La vintra fabelo", tradukita de Humphrey Tonkin kaj lanĉita okaze de la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA en majo.

Humphrey Tonkin estas ĉi-jare la plej produktema aŭtoro-tradukinto de la eldona fako de UEA. En Florenco li prezentis ankaŭ sian primovadan verkon "Lingvo kaj popolo", kiu origine estis verkita kiel prelegaro por la Interlingvistikaj Studoj ĉe la Universitato Adam Mickiewicz en Poznano. Surbaze de sia 50-jara sperto pri Esperanto-aktivado Tonkin diskutas kaj diskutigas en ĝi vastan gamon da aktualaj problemoj de UEA kaj de la tuta Esperanto-movado. Al tiu ĉi libro, kiu kun juneca vervo dubindigas fiksajn ideojn kaj rutinojn, oni sendube multe referencos en la diskutoj de la E-movado dum la proksimaj jaroj. Temas pri nemalhavebla verko por ĉiu aktivulo.




Speciale por la Florenca UK aperis la dua eldono de la kortuŝa libreto "La lastaj tagoj de Ada, Aduŝka" de Gian Carlo Fighiera. En ĝi la aŭtoro dividas kun la leganto siajn rememorojn pri la lastaj vivotagoj de sia edzino Ada Fighiera-Sikorska, forpasinta antaŭ dek jaroj. Dum 35 jaroj Ada estis redaktoro de "Heroldo de Esperanto", kiu dum ŝia periodo ankoraŭ estis la ĉefa internacia Esperanto-gazeto apud la revuo "Esperanto" de UEA. Francisco L. Veuthey dezajnis por la nova eldono belan grafikan veston.

En la Esperanta kaj franclingva serioj de Esperanto-dokumentoj al la pli frue aperintaj intervjuoj kun la famaj lingvistoj André Martinet ("Pri kelkaj problemoj de interlingvistiko", 1993) kaj Umberto Eco ("Esperanto kaj la estonteca plurlingvismo", 1994) aldoniĝis la kajero "Esperanto kaj lingva diverseco". Temas pri teksto de interparolo de François Lo Jacomo kun la eminenta franca lingvisto Claude Hagège pri diversaj aspektoj de lingva politiko, internacia lingvo kaj Esperanto.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## 9-a INTERNACIA FOTOKONKURSO

Post ok sukcesaj konkursoj (1998–2005) la redakcio de "La Ondo de Esperanto" invitas al partopreno en la naŭa Internacia Fotokonkurso. En la konkurso rajtas partopreni ĉiu fotemulo amatora aŭ profesia, sendepende de la loĝlando kaj lingvokono. Unu persono rajtas partopreni per maksimume kvin fotoj. La minimuma formato estas 15×20 cm. Fotoj povas esti koloraj aŭ nigra-blankaj, verti-

kalaj, horizontalaj kaj aliformataj. Fotoj, senditaj elektronike, ne estas akceptataj.

La konkursaj fotoj devas esti senditaj unuekzemplere al la sekretario de la konkurso Halina Gorecka (236039, Kaliningrad, p/k 1205). La fotoj devos atingi la sekretarion de la konkurso antaŭ la 1-a de decembro 2006.

La konkursaĵoj devos esti subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto kunsendata devos esti slipo kun la pseŭdonimo, la aŭtenta nomo kaj poŝta adreso de la aŭtoro. Oni povas aldoni titolon aŭ klarigan noton al la fotoj, sed tio ne estas deviga. En la konkurso ne rajtas partopreni fotoj jam premiitaj aŭ publikigitaj.

Juĝkomisiono aljuĝos premiojn al la laŭreatoj:

1. 50 eŭroj kaj abono de “La Ondo de Esperanto” 2007.
2. 25 eŭroj kaj abono de “La Ondo de Esperanto” 2007.
3. abono de “La Ondo de Esperanto” 2007.

Speciala premio (50 eŭroj kaj abono de “La Ondo de Esperanto” 2007) por la plej bona foto pri la temo “Naturo”.

Ĉiu premiito ricevos diplomon. La rezulto estos anoncita en “La Ondo de Esperanto”. La organizanto de la konkurso havos ĝis la 31-a de decembro 2008 ekskluzivan rajton uzi la ricevitajn fotojn en papera kaj elektronika formoj kaj en ekspozicioj. Poste la publikigo-rajton havos kaj la organizanto kaj la aŭtoroj.

Informoj pri la pli fruaj fotokonkursoj kaj kelkaj dekoj da premiitaj fotoj troveblas en la retpaĝaro de “La Ondo” <http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-fk.htm/>. Sukcesojn!

***Halina Gorecka, sekretario de la konkurso***

## NOVAJ LIBROJ DE “SEZONOJ”

La eldonejo “Sezonoj” (Kaliningrad) eldonis la libron “En la serĉado de mondolingvo, aŭ interlingvistiko por ĉiuj”. Ĝin verkis profesoro Aleksandr Duliĉenko, kiu donis ĉi tiun preskaŭ Drezenan titolon por emfazi, ke interlingvistiko konservas sian kontinuecon dum sia tuta evoluo. Jam delonge ne aperis ĝisdata libro pri la historio de internacia lingva komunikado, teoriaj problemoj de interlingvistiko, evoluo de lingvoprojektado kaj prezento de la plej interesaj planlingvoj. La libro estas verkita en la rusa lingvo, ĝin tradukis Aleksander Korĵenkov. La 160-paĝa libro aperis en la serio “Scio”. Pliajn informojn (kaj unu ĉapitron el la libro) oni povas legi en la retpaĝaro <http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-ondo.htm>, en la rubriko “Novaĵoj”.

La eldonejo “Sezonoj” (Kaliningrad) eldonis ankaŭ la libron “Mi estas homo” (MEH). En ĝi estas 77 Zamenhofaj verkoj (traktaĵoj, artikoloj, paroladoj, leteroj), interesaj ideologie. Kvankam preskaŭ ĉiujn tekstojn eldonis diverstempe Ludovikito, estas malfacile serĉi ilin inter pluraj volumoj, kaj – bedaŭrinde sed neignoreble – ne ĉiu esperantisto povas aĉeti la tutan serion da libroj, kiu kostas sume pli ol mil eŭrojn. Krome, Esperantaj tradukoj de kelkaj el fruaj ruslingvaj verkoj cionismaj kaj hilelismaj de Zamenhof enhavis erar(et)ojn, kiujn redaktoroj ne rimarkis antaŭ la eldono de MEH. Ambaŭ libroj aperis en la serio “Scio”.

***“Sezonoj”***

## THORSEN-APOGO JE DISPONO DE BIBLIOTEKOJ

Esperanto-bibliotekoj havas denove ŝancon akiri senkoste librojn, kiuj mankas en iliaj kolektoj, ĉar jam por la deka fojo UEA disdonos subvenciojn de la "Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen". Por subvencio rajtas kandidatiĝi bibliotekoj, kiuj ne estas subtenataj de ŝtata, urba aŭ alia publika instanco. Interesitaj bibliotekoj sendu priskribon pri si kaj liston de dezirataj libroj laŭ ordo de prefero. Petoj pri diskoj, vidbendoj, k.a. nelibraj varoj ne estos konsiderataj. La subvencion oni ricevos kiel librojn surbaze de la listo, kiu akompanis la peton. En la jaro 2005 sep bibliotekoj ricevis subvenciojn, kiuj valoris de 80 ĝis 225 eŭrojn.

La petoj devas atingi la Centran Oficejon de UEA ĝis la 15-a de oktobro 2006. Krom paperpoŝte (UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando), eblas sendi ilin ankaŭ rete al <direktoro@co.uea.org>.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## LEKSIKONO PRI ESPERANTLINGVAJ VERKISTOJ




Post du jaroj da intensa laboro, en kiu partoprenis kunlaborantoj el pli ol 30 landoj, aperis "Leksikono pri Esperantlingvaj verkistoj", sub la titolo "Ordeno de verda plumo". Oficiale ĝi estas prezentita en la UK en Florenco. La libro enhavas 901 biografiojn, 461 fotojn kaj 248 pseŭdonimojn. Eldonis ĝin la kroata eldonejo "Grafokom" kunlabore kun EVA (Esperantlingva Verkista Asocio). Jen kion skribas en la antaŭparolo la kompilinto Josip Pleadin: "En 2007 ni festos 120-jariĝon de nia originala literaturo, kaj ĉi tiu libro aperas por digne prifesti la jubileon. ... La intenco de nia libro estis prezenti la verkantojn ne per iliaj verkoj, kiel tion faras la antologioj, sed prezenti ilian personecon, la vivon kiun ili travivis, kelkfoje eĉ iom nekutime prezenti ilin el faktografia vidpunkto. En kolektado de iliaj biografioj min aparte gvidis la ideo fari rakontojn pri iliaj vivoj."

## NOVAJ ESPERANTAĴOJ EN UKRAINIO

En Ukrainio aperis vica libro en la serio "Oraj libroj", kiu nomiĝas "Золотая книга ESPERANTO. Полный учебник международного языка" (ĝi estas en la rusa). Anoncita eldonkvanto estas 30 000 ekz. La kompilinto de la libro, tradukinto kaj aŭtoro de la lernolibro estas M.Lineckij. Literaturaj kaj teknikaj redaktoroj – Julia Patlanj kaj Eugenia Slovaĉevskaja. La 160 paĝoj de la libro enhavas jenajn 4 ĉapitrojn: *Ĉirkaŭ Esperanto; D-ro Esperanto kaj lia kreaĵo; Lernolibro de Espe-*

*ranto kun ambaŭdirekta vortaro kaj frazaro; Krestomatio* (estas prezentitaj originalaj kaj tradukitaj prozaj kaj versaj verkoj de L.Zamenhof, L.Beaucaire, B.Kolker, V.Samodaj, M.Bronŝtejn, V.Soroka, M.Povorin, L.Singha kaj M.Lineckij).

Tre baldaŭ estos aĉetebla nova KD "Arkeo de Noa", jam produktita de Societo por subteno kaj defendo de ukraina kulturo "Espero". En ĝi la ensemblo "Espero el Ukrainio" (N.Ivanova, M.Lineckij, O.Mirgorodskaja) kun helpo de kelkaj amikoj (E.Slovaĉevskaja, A.Abrahamjan, V.Lineckij) prezentas 20 kantojn de 20 popoloj. Dezirantoj havi KD-on kontaktu min <ml@espero.kiev.ua>.

***Mikaelo Lineckij (Ukrainio)***

## STRANGA KUNIGO, AŬ KIRASŜIPO INTER BESTOJ

*Carlo Minnaja, Anatolo Ŝejpak.* ***Elektitaj lekcioj pri historio de scienco kaj tekniko.*** *Red. M.K.Ĉertilov, S.V.Smetanina. M., 2006. ISBN 5-276-00774-8. 249 p.*

La libro konsistas el tri partoj. La unuan ("Komenco de civilizacio") kaj la trian ("Hidraŭlikaj maŝinoj") verkis prof. Anatolo Ŝejpak, la duan ("Historio de matematiko") – prof. Carlo Minnaja.

Apenaŭ preninte la libron, jam ĉe la unuaj paĝoj mi estis frapita de tuta bukedo da tekstaj fuŝoj: kovrilpaĝe "kai" anst. "kaj"; titolpaĝe "scieno" anst. "scienco"; titoldorse la nomo de la itala sciencisto estas transskribita jen "К.М. Миннайя" (ial laŭ la rusa nommodelo, sed tiukaze devus esti К.Л., ĉar Carlo estas filo de Luigi Minnaja), jen "Карлом Минная" (tamen la nomo Карло, diference de Карл, ne estas deklinaciata); en la ruslingva bibliografia referenco la aŭtoroj estas indikitaj kiel redaktoroj; enhavpaĝe "civilizazio" anst. "civilizacio", "derivaĝoj" anst. "derivaĵoj". Tia antaŭimpreso ne povis ne agordi min kritike por plua tralegado de la libro.

La unuan parton ties aŭtoro komencas per enkonduko, menciante diversajn konceptojn pri deveno kaj evoluo de la homaro. Ĉe tio la estimata profesoro ne evitis siaspecan modon de lastaj jardekoj – kulpigi marksismajn klasikulojn. Li oponas la faman tezon de F.Engels "laboro kreis homon", sed faras tion nekonvinke kaj plumpe. Ekz., unu el la argumentoj jenas: "V.R.Dolnik rekte skribas, ke li ne povas kompreni, kiel laboro povis krei homon. Homon kreis natura selekto." (p. 10). Ĉu vere tia konstato estas kompromita por Engels? Aŭ tamen por Dolnik (kaj evidente solidara kun li Ŝejpak)? Nur rigidmensuloj povas vidi en la du tezoj ian kontraŭecon, sed la dialektiko de Engels solvas tiun pseŭdodilemon senembarase: homon kiel biologian specion ja kreis la natura selekto, sed homon kiel socian estulon – la laboro. Nia aŭtoro provas spritumi: "Frazo "laboro kreis homon" ne estas multe pli bona ol frazo "ripozo kreis homon"." (sampaĝe). Por la elstara dialektikulo Engels laboro estis fundamenta histori-filozofi-ekonomika kategorio, sed la rikanaĵo de Ŝejpak traktas ĝin surface, kiel primitivan malripozon. "La tuto taŭgus por komik', se ĝi ne estus tiom trista…"[1]

Pluaj ĉapitroj de la unua parto formas ampleksan eseon pri evoluo de diversaj

---

[1] M.J.Lermontov. Al A.O.Smirnova (traduko de I.Ĥoves) // Elektitaj versaĵoj. Moskvo, 1964. P.23.

industriaj kaj agrikulturaj teknologioj. En la atentocentron estas metitaj la materialoj, kiuj estis esence gravaj por la homaro en ties diversaj evoluetapoj: ŝtono, ligno, ceramiko kaj vitro, metaloj, gumo kaj plastoj. La rakonto per si mem estas interesa, en ĝi temas pri pluraj ne tro konataj epizodoj el historio de teknologioj. La teksto povus esti eĉ fascina legaĵo, sed tion malhelpas la lingva nivelo, kiu estas konsterne malalta. Ne eblas kaj ne indas listigi ĉiujn misojn de Ŝejpak, mi prezentu nur iom da ili – la plej pitoreskajn kaj esperenble instruajn.

En la teksto plurloke svarmas paŭsaĵoj el la rusa, kiuj estas absurdaj kaj ne ĉiam kompreneblaj por nerusa leganto. La aŭtoro ial opinias, ke propraj nomoj (eĉ nerusaj!) en Esperanto transskribendas laŭ la rusa modelo. Rezulte aperas eraraj formoj: "Tit Lukrecij Kar" (p. 11) anst. la origina Titus Lucretius Carus aŭ la asimilita Lukrecio; "Plinij (elp. *plinij*)" (p. 14, 41) anst. Plinius aŭ Plinio. Atentu, ke lastkaze Ŝejpak ne simple uzas misan formon, sed eĉ aŭdacas rekomendi ĝin kiel prononcendan. Pro kio do esperantistaj legantoj devas prononci la nomon de romia aŭtoro laŭ la rusa ŝablono?! La germana urbo Heidelberg estas prezentita kiel "Gejdelberg" (p. 14), kio certe fontas el la rusa transskribo (ĉu estis malfacile malfermi enciklopedion kaj kontroli la originan formon?). Samkaŭze aperis "Gavajaj insuloj" (= Havajo, p. 47).




Pluraj rusaj vortoj havas diversajn signifojn, tial uzo de laŭvortara traduko sen pripensi la sencon povas kaŭzi vere strangajn vortumojn. Ekz., temas pri gentoj, kiuj "ĉasadas tapirojn, sovaĝajn porkojn, kirasŝipojn, sciurojn…" (p. 19). Kiamaniere kirasŝipo trafis kompanion de bestoj? La kaŭzo simplas: la rusa vorto "броненосец" signifas kaj kirasŝipon, kaj animalon (dazipo), kaj la aŭtoro miselektis la tradukon. Kion povus signifi "funkciigi felojn" (p. 23)? Nur retrotraduko al la rusa "меха" komprenigas, ke temas pri balgo (fajroblovilo).

Iam en satira versaĵo R.Schwartz mokis pri "tiuj, kiuj aldonas al la franca ofinaĵon kaj nomas tion plena esperanta vortaro"[1]. Simila tendenco – okaze de

[1] Cit. laŭ: А.С.Мельников. Лингвокультурологические аспекты плановых международных языков (на фоне этнических). Ростов-на-Дону, 2004. С. 302.

traduka embaraso simple uzi rusan radikon en E-vesto – observeblas ankaŭ ĉe iuj nialandaj E-aŭtoroj. Ĉi tiun dubindan rimedon aplikas ankaŭ A.Ŝejpak. Jen li ne scias la tradukon de la vorto “морошка” kaj al listo de diversaj botanikaj objektoj aldonas “moroŝkon” (p. 20). Kredeble li tamen komprenas, ke por nerusoj tio estas abrakadabro, kaj daŭrigas, uzante lambastonon – anglan tradukon: “(tiel estas nomata “salmaj beroj” – salmonberries)”. Nu, bonŝancas sciantoj de la angla, sed por aliaj la vortkombino estas enigmo: kian rilaton havas la fiŝo salmo al la priskribata bero? La solvo de la enigmo estas, ke la angla “salmon” signifas ne nur la fiŝon, sed ankaŭ ties koloron, do pli adekvata traduko de la anglaĵo devus esti “salmokolora bero”. Se la aŭtoro iom fosus en vortaroj kaj trovus la E-vorton “kamemoro”, ĉiuj ĉi artifikoj kaj elturniĝoj ne necesus. Sed la sampaĝan vorton “seldereo” (= celerio) li jam tute ne klarigas. Pro tiaj elrusigoj pluraj E-vortoj iĝas kripligitaj, kvankam verŝajne rekoneblaj: “njutono” (= neŭtono, p. 18), “alkimikisto” (= alkemiisto, p. 39), “Vizantia” (= bizanca, p. 42), “doĵo” (= doĝo, sampaĝe), “kimikaj” (= kemiaj, p. 75).

Sed tiaj misvortoj ŝajnas bagateloj kompare kun la ŝokegaj “gerbicido” (= herbicido, p.36) kaj precipe “DNK” (= DNA, p.28). Ĉu Anatolij Aleksandroviĉ ne konjektas, ke la unua vorto estas parenca al “herbo” kaj sekve la komenca *g* neniel povas esti legitima? Ĉu vere la profesoro ne scias, ke en la rusa siglo ДНК la lasta litero signifas “кислота” kaj sekve en la E-siglo tiuloke devas esti A (acido)??

En la tuta teksto de la unua parto mi rimarkis unu bonan E-lingvan trovaĵon: “tio kialas inventon de…” (p. 22). Sed tio estas sola perleto en amaso da lingva fatraso.

Do tiel, ĉiupaĝe stumblante ĉe diversaj tekstaj splitoj, mi finlegis la unuan parton kaj transiris al la dua. La kontrasto estis perceptebla tuj. Legi la tekston de Minnaja por mi estis vera ĝuo – ne nur ĉar ĝi estas profesie pli proksima al mi, sed precipe ĉar ĝi estas prezentita per eleganta lingvaĵo (nu, alie ne povus esti, ĉar Carlo estas akademiano kaj denaskulo), kaj krome la teksto harmonie distribuas la atenton de leganto inter matematikaj malkovroj kaj ties aŭtoroj. Tiuj, kiuj iam studis superan matematikon, konas la nomojn de Pascal, Leibniz, Newton, fratoj Bernoulli, Euler, Laplace k.a.: ĉi tie malantaŭ la nomoj aperas realaj personoj kun neordinaraj biografiaj detaloj, por kelkaj el ili (bedaŭrinde ne multaj) la libro enhavas portretojn. Tre interese estas sekvi kun Minnaja la “ondojn” de matematika pensado, dank’ al kiuj en diversaj historiaj etapoj ĝi ekfloradis en Italio, Anglio, Francio, Germanio.

Mankoj en la teksto de Minnaja ne difektas la ĝeneralan impreson, ĉar ne multas, ĉi-sube mi listigu preskaŭ ĉiujn. Parolante pri nuntempaj lerniloj, la aŭtoro uzas la esprimon “lernolibro por knaboj” (p. 82) – ĉu do knabinoj uzas aliajn lernolibrojn? Estas aritmetika erareto (p.84): la grando $4(8/9)^2$ egalas ne al 3,157, sed al la aperanta kelkajn liniojn pli sube nombro 3,16049. Sampaĝe estas dubinda la esprimo “areo de cirklo”, ĉar areon havas rondo (ebena figuro), sed ne cirklo (ĝia limlinio). Estas strange, ke la rivero Nilo estas nomata Niluso (p. 85). Nekutima estas la esprimo “dividi laŭ” (p. 103): ja en la ĝenerala lingvouzo oni preferas “dividi

per”, kion konfirmas ankaŭ la fakterminaro de Reiersøl[1], sur kiu evidente baziĝas la termin-elekto de Minnaja. La vortumo “kun [= per] tre komplikaj metodoj” (p. 133) estas laŭ PIV severe evitenda. Strange impresas la uzo de “ne ankoraŭ” apud la norma “ankoraŭ ne” (p. 134) kaj la formoj “ne ĝin publikigis” (p. 140), “ne tion pruvis” (p. 184) ks, ĉar laŭsence “ne” devus aperi senpere antaŭ la verboj. Mistera estas la uzo de “rajde” en la senco de “lime” (p. 186). Estis agrable vidi, ke la aŭtoro senriproĉe transskribis la nomon Nikolaj Ivanoviĉ Lobaĉevskij (p. 178), sed por nia malpli fama samlandano Ĥinĉin estas uzita la nerusa (supozeble franca aŭ angla) formo Khintchin (p. 109). Estas eraro en la nomo de la norvega matematikisto Abel, kiu estis ne Niels Erik (p. 178), sed Niels Henrik.

Lige kun ĉi tiu matematika teksto mi havas specifan rimarkon, kiu fakte koncernas ne la aŭtoron, sed la kompostistojn kaj redaktorojn, tamen eble atentindas en pli vasta kunteksto. La litertipo Times, per kiu estas kompostita la libro, estas tre disvastigita, ĝin uzas interalie ankaŭ REGo. Tamen ĝi havas malagrablan manketon: estas malfacile distingi la literon l kaj la ciferon 1. En ordinaraj tekstoj oni tion kutime ne rimarkas (kvankam miskompreno povas aperi, se el la ciferskribita orda numeralo “1-a” oni eliminas la streketon; tiam “1a” konfuzeblas kun la artikolo), sed por sciencaj formuloj tiu litertipo vere maltaŭgas. Jen en la recenzata libro (p. 92) mi vidas la formulon $m^3 = 2l^3$.Kio estas inter 2 kaj $^3$: ĉu la litero lo (fakte ĝi) aŭ la cifero unu? Do, por kompostado de formuloj mi konsilas inter abundo da litertipoj, ofertataj de redaktaj programoj, elekti tian, en kiu la du menciitaj simboloj, kaj dezirinde ankaŭ la majuskla I, klare diversas. Ekzemple: l 1 I (la litertipo Georgia).

Tamen mi revenu al la libro. Post la tralego de la dua parto min atendis la tria, denove el sub la plumo de A.Ŝejpak. Tiu parto detale priskribas la historion kaj konstruajn specifecojn de diversaj hidraŭlikaj mekanismoj: pumpiloj, akvaj radoj, turbinoj, hidrotransmisioj, – ĉio ĉi apartenas al la sfero de profesia kompetenteco de prof. Ŝejpak, do por studentoj de tiu fako la teksto povas iĝi utila helpilo. Je mia relativa kontento, la tria parto estas lingve pli adekvata, mi preskaŭ ne renkontis en ĝi tiajn monstraĵojn, kiuj misornamis la unuan. Ĉu la aŭtoro verkis tiujn partojn en diversaj etapoj de sia lingva maturiĝo, aŭ la tria parto estis pli zorge redaktita? Tamen, kompreneble, mankoj …ne mankas; jen la plej atentindaj. “Mesopotamio” (p. 197) devas esti “Mezopotamio”. La esprimo “farita per” (sampaĝe) estas nekorekta aplike al persono, uzendas “farita de”. Estas malĝuste elektitaj la tradukoj de kelkaj rusaj plursignifaj vortoj: ne “lernejo de Pitagoro” (p. 198), sed “skolo ...”; ne “konforme” (p. 200), sed “respektive”; ne “kamerao” (p. 201, 208), sed “kamero”; ne “momento” (p. 203, 229), sed “momanto”; ne “skapoloj” (p. 205), nek “fosiletoj” (p. 212), sed “padeloj”; ne “montaj” (p. 229), sed “minejaj”. Anst. “ŝanĝiĝanta kurento” (p. 212) preferindus “alterna …”, anst. “graviteco” (p. 212) uzendas “gravito”; en la formo “lagroj de gliteco” (p. 226) dubindas “ec”, eble sufiĉus pli kurta “glitlagroj”.

La vorto “pugnetaj” (p. 214) anst. “kamaj” estas tipa paŭsa elrusigo, tia naiva vortelekto supozigas, ke A.Ŝejpak antaŭ ol verki la tekston ne konatiĝis kun la

---

[1] Olav Reiersøl. Matematika kaj stokastika terminaro Esperanta. Dua eldono. Oslo, 1994.

ekzistanta fakterminaro[1].

Denove renkontiĝas misuzoj de *g* anst. *h*: “germetika” (p. 225); la (ne ekzistantan en Esperanto) vorton “berg-gaupman’” (p. 216) endus ne transliterigi laŭruse, sed traduki rekte el la germana, kredeble devus esti “mineja kapitano”.

La libro estas ilustrita. Dum en la dua parto la desegnaĵoj akompanas la tekston, faciligante la legadon, en la unua kaj la tria la bildoj estas kunigitaj fine de ĉiu parto. Tiuj ilustraĵoj estas numeritaj, tamen entekste la referencaj numeroj ne troveblas. En la unua parto la foreco de bildoj ĝenas nemulte, ĉar la legantoj povas pli-malpli imagi la priskribatajn teknologiojn, plejparte primitivajn. Sed en la tria parto legi priskribojn de komplikaj mekanismoj sen tuj vidi la ilustraĵojn estas sufere.

Konklude: la libro estas tro diversnivela. Kunigo de tekstoj de tiom malsamaj aŭtoroj sub unu kovrilo impresas malnature, ĉar krom tiu kovrilo iliaj tekstoj reale havas nenion komunan. La parto de Minnaja, se ĝi estus eldonita aparte, povus iĝi unu el ĉefverkoj de scienca E-literaturo, sed la apudaj tekstoj certagrade paligas la impreson. Siavice, la tekstoj de Ŝejpak ankaŭ ne samvaloras. La tria parto certe ne estas brila, sed la menciitaj mankoj ankoraŭ estas en limoj de tolereblo. Sed la malplej sukcesa parto estas la unua, kies misoj estas pli abundaj kaj groteskaj. Ĝin mi povus rekomendi al lingvaj ajnistoj, por kiuj estas egale, ĉu legi korektan aŭ fuŝlingvan tekston. Sed seriozajn esperantistojn kun evoluinta lingva gusto, sentemajn pri diversaj kontraŭnormaĵoj, mi avertas: la unuan parton legu nur tiukaze, se vi havas firman nervan sistemon.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## ĈIFRITAJ ZAMENHOFAJ PROVERBOJ

Interesa libro aperis en Frankfurt am Main. Ĝin verkis kaj eldonis konata germana esperantistino Nora Caragea. La libro titoliĝas “100 Zamenhofaj proverboj”. Kaj vere, sur ĉiu paĝo de la libro troviĝas 2 proverboj, sed – ĉifritaj. Tio signifas, ke ĉiu E-letero en la paĝo estas anstataŭigita per iu signo. En ĉiuj paĝoj estas uzitaj diversaj signoj, do ĉiun paĝon oni devas deĉifri aparte. Por plifaciligi la engaĝiĝon al la deĉifrado, sur la unuaj 5 paĝoj estas malgranda helpo – estas malkaŝita litera ekvivalento de unu el la signoj. Se vi ekinteresiĝis, provu deĉifri du unuajn proverbojn el la libro. La bildon de la unua paĝo kun la proverboj vi trovos apude.




[1] Jan Rybář. Terminaro de hidraŭlaj meĥanismoj. Praha, 1982.

# *Ivan Franko*



Inter multaj literaturaj jubileoj en 2006 alvenas la 150-jariĝo de Ivan Franko – laŭ mi, la plej interesa kaj, certe, la plej fekunda reprezentanto de ukraina literaturo. Dum la soveta epoko, ŝajne en 1976 ekis aperigo de lia kvindekvoluma (tamen ne plena!) verkaro. La dekokan volumon mi vidis en 1979. Laŭ la informo de Viktor Pajuk, ukraino, loĝanta nun en Usono, la eldonistoj sukcesis veni al la lasta volumo en 1986. Aperis fakte eĉ pli – ĉar kelkaj volumoj estis eldonitaj dulibre. La verkiston, nuntempe apenaŭ konatan ekster Ukrainio, oni adoras en la Patrolando. Eĉ la nuna registaro de Ukrainio, spite al mondeficito, balotaj bataloj kaj aliaj portempaj plagoj, eltrovis eblon por provizi preparadon de la jubileaj aranĝoj per sufiĉe grava monsumo – 136 000 hrivnoj (ĉ. 35 mil usonaj dolaroj).

Ivan Franko (1856-1916) naskiĝis en Galicio, kiu apartenis tiutempe al Aŭstri-Hungario. Li estis filo de simpla vilaĝa forĝisto, sed la patro, kaj, post forpaso de tiu, ankaŭ la bopatro sufiĉe bone prizorgis lian klerigon. La knabo brile finstudis en t.n. "normala" lernejo, poste en gimnazio, ĉiusomere revenante en hejmvilaĝon por helpi la gepatrojn pri kamparanaj laboroj. Jam tiutempe li komencis traduki tekstojn el la Sankta Biblio, ankaŭ verkojn de okcidenteŭropaj kaj antikvaj poetoj; ĉion ĉi li faradis en la ukraina lingvo. En 1875 Ivan Franko studentiĝis ĉe fama universitato en Lemberg (nun Lviv) kaj aliĝis al studenta rondeto de tiama "pormoskva" partio, en kies organo "Druh" (Amiko) li aperigis siajn poemojn. La junularo de la "pormoskva" partio baldaŭ forlasis la iamajn partiajn idealojn, elektinte klerigon, demokration kaj uzadon de la ukraina lingvo. Estis la kaŭzo por ke malnovaj "pormoskvanoj" en 1877 faru denuncon pri la redakcio de "Druh" al la ŝtata polico. La polico reagis fulme per aresto de la tuta redakcianaro. Ivan Franko pasigis naŭ monatojn en prizono; tio fremdigis lin por la loka "kultura" medio kiel personon danĝeran kaj senigis de la eblo plu studi en la universitato. Cetere, la junulo estis enprizonigata pliajn du fojojn – en 1880 kaj en 1889.

Paradokse, la restado en prizono tamen kontribuis al la posta gloro de Franko. Tie li akiris temaron por siaj sinceraj verkoj pri la sorto de malriĉaj laboruloj; tiuj verkoj publikiĝis en multaj revuoj kaj tuj estis tradukitaj en aliajn lingvojn. Plej grandan sukceson havis liaj noveloj, i.a. "En la fundo de l' socio", la romano "Boa Constrictor", lirikaj poemaroj. Multaj liaj poemoj fariĝis kantoj kiuj estas kantataj ankaŭ nuntempe. Ivan Franko laboregis sinforgese, arde, sukcese provante sian talenton en diversaj literaturaj ĝenroj. La historia romano "Zaĥar Berkut" pri la tatara

invado en la 13-a jc. eĉ ricevis premion de la revuo "Zorja" (Aŭroro), kies redaktoro absolute malŝatis la verkiston.

Alia paradokso estas, ke, dum la verkoj de Ivan Franko furoris en la leganta medio (ekz. ruslingva traduko de lia rakontaro "V poti ĉola" (Kun la frunto ŝvita), eldonita en Peterburgo, 1891, estis disvendita dum kelkaj tagoj nur), la sorto de ties aŭtoro estis enorme kompatinda. Lia fiaskigita de la cirkonstancoj amo al la pastrofilino Olga Roŝkeviĉ kaŭzis la poemarojn, plenajn de liriko ĉarma kaj profunda, sed kritikistoj nomis ilin dekadenco. Li verkis multajn altverecajn poemojn kaj rakontojn pri la vivo de galicia juda socio, plenajn de sincera simpatio al la juda laborularo – la kritikistoj kondamnis la verkojn kiel antisemitajn. Pro la romanoj, montrantaj certan putriĝon de pola nobelaro (ekz. "Osnovi suspilnosti" (Fundamento de l'socio)) li perdis la laboron, kiu nutris lin, – pollingvaj gazetoj ne plu akceptis liajn verkojn. Ivan Franko entuziasme restudentiĝis ĉe l' universitato en Ĉernovici (nun Ĉernivci), dum du jaroj (1893-1895) finstudis kaj brile doktoriĝis en Vieno per disertacio pri slavistiko. En 1895 la profesora senato elektis lin profesoro, sed grafo Badeni, la prokuratoro de Galicio, malpermesis profesorigon de la persono "trifoje prizonigita".



Tamen la vivo daŭris kaj gloro venis al la verkisto dumvive. En 1899 oni solene festis la 25-jaran literaturan jubileon de Ivan Franko. Evidentiĝis, ke nur la titoloj de liaj verkoj listigite formas ampleksan libron (eldonita en Lemberg, 1898). Endas konsideri, ke, krom poemoj, prozaj kaj dramaj verkoj, Franko tradukis en la ukrainan el 14 lingvoj kaj el la ukraina – al la germana kaj la pola, kreis aron da eseoj pri etnografiaj, sociologiaj kaj ekonomiaj temoj, verkojn pri teorio kaj historio de literaturo. Estas mirinde, sed ĉe aro de diversaj okupoj li ne restis indiferenta al politikaj aferoj, aktivante kiel social-demokrato kaj eĉ du aŭ tri fojojn kandidatiĝis al la Aŭstria parlamento.

Mi ŝatus iom komprenigi al esperantista legantaro la signifon de la ukraina koloso, prezentante en mia traduko almenaŭ eron el la enorme vasta kaj interesa literatura heredaĵo. Eventuale ukrainaj esperantistoj trovos forton por fari pli vastan prezenton.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

# Johano, la Brava

La antikvan urbon slavan
malamik' sieĝis.
Kaj en timo la urbestroj
Dian helpon preĝis.
Ĉar obstine sturmis murojn
la hordoj minacaj,
ne plu povis sin defendi
la urbanoj lacaj.
Sed troviĝis kuraĝulo –
metiist' Johano,
kiu diris en sekreto
al gepatra klano:
– Hontu, fratoj, strige sidi
sur la urba muro!
Ni ataku la fremdulojn
en nokta obskuro!
La tendaron malamikan
ataku akute,
kaj – aŭ mortu ni, aŭ ilin
neniigu tute.
Kiel planis, tiel faris
Johano, la Brava:
Polven frotis la fremdulojn
la kuraĝo slava.
La taĉmenton de Johano
antaŭkuris gloro.
Estis tuta rea vojo –
la tapiŝo flora.
Mem Johanon metiistoj,
soldatoj, servutoj
glore portis en la urbon
kun krioj, salutoj...
Kaj kunvenis la urbestroj
por bone pripensi,
kiel tiun gloran agon
digne rekompenci.
Unu diras: – Por altigi
la heroan faron
tuj elektu ni Johanon
en la urbestraron!
– Ne, ne taŭgas! – diras dua, –
Jen la solvo klara:
Faru ni lin komandanto
de l' trup' gardistara.
Tria diras: – Ne, sinjoroj,
jenon mi proponu :
Sakon da moneroj oraj
ni al Joĉjo donu.
– Ne, ne, ne! – ekhurlis ĉiuj, –
Estas vera blago!
Kia honto – pagi monon
Por heroa ago!..
Tiel brue la urbestroj
multajn solvojn trovas,
sed komunan opinion
atingi ne povas.
Sed surgrimpis la podion
la urbestro dika,
kaj aklamis la amason
per voĉo predika:
– Gloron! Gloron al Johano,
metiisto brava!
Sed, ĉu estas digna prezo
por la venko sava?
Doni monon? – Li ne prenos
pro honto kaj pio.
Ĉu altigi? – La aliajn
ekregos envio.
Kaj mi diru: dum li vivas,
li nin ege ĝenus...
Ĝuste tial mi, sinjoroj,
jenan solvon prenus:
Ni hodiaŭ lin mortigu.
Sur palison levu.
Morgaŭ li post enterigo
sanktecon ricevu.
Ĉe la tombo lin priploru
tuta urbanaro,
kaj nomtagon lian festu –
dufoje dum jaro!
– Bele! Bele! – ĉiuj kriis, –
jen honoro rava !
... Tiun dankon, do, ricevis
Johano la Brava.

## *Vivere memento*

Ho, printempo, kion vi
En la brusto kreas?
Via voko al la viv'
Mian koron levas.
Mi Lazare en malhel'
De l' sopir' putrumis –
Kial iu nova stel'
Antaŭ mi eklumis?
Voĉ' mirakla ien min
Nun alvokas, jen do:
"Hej, vekiĝu vi, en fin'!
Vivere memento!"

Ho vi, fraĉjo, varma vent',
Ĉu vi krie skuas?
Ĉu sur helmonteto jen
Tiel bosko bruas?
Ĉu konsole flustris vi,
Verda herbo juna,
Penetrante el glaci'
Al la lumo suna?
Aŭ ĉu via flua spir',
Riveret' arĝenta,
Lavis triston kun sopir'?
Vivere memento!

Viva voĉo tra l' eter',
Sonas kun potenco...
Mi vin amas, vent', river',
Montoj kaj printempo!
Homoj! Vivon mi por vi
Donas kun fervoro,
Viajn plagojn lavus mi
Per la sang' de l' koro.
Plej ferocajn ĵetus al
Incendi'– torento
Vivo estas nur batal'...
Vivere memento!

## Al la grizkapulo

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion,
Sed mi ne amas, kompatinda!
Vi, fraĉjo, estas patrioto,
Mi estas nur hundaĉ' malinda.

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion,
Kiel panbulkon, lardopecon, –
Sed mi nur bojas foj-de-foje
Por rompi ĝian trankvilecon.

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion,
Kiel bonguston de biero, –
Ne amas mi, kiel falĉanto
Ne amas ardon de l' somero.

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion –
Nur belan veston kaj dekoron, –
Mi ĝin ne amas, kiel sklavo
Neniam amas la sinjoron.

Ĉar via sento patriota
Ja estas luksa rob' porfesta,
La mia estas laborego
Kaj enanima ard' honesta.

Vi ŝatas dukojn ukrainajn,
Kaj hetmanecon de l' sinjoroj, –
Turmentas min la ukrajniaj
Eternaj plagoj kaj doloroj.

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion, –
Por vi, do – laŭdo kaj honoro,
Sed por mi estas Ukrajnio
La sanga vundo en la koro.

Vi, fraĉjo, amas Ukrajnion,
Kiel bienon kun bovino,
Sed mi ne amas ĝin pro mia
Ameg' sen limo kaj sen fino.

* * *

Ĝuinto de la monda glor'
Ĝis fora mondangulo
Similas ofte en la viv'
Al incendia brulo.
Vekita en lignaĵa sek',
Flamego montras forton,
Sed baldaŭ cindre falas for;
Samtiel voras svaga glor'
L' animon kaj la korpon.

* * *

Soneto estas sklav'. En formo rita
libera penso tremas, katenita,
kvazaŭ rekrut' severe mezurita
en la rekruta uniformo ŝvita.

Sonet' – sinjoro. Pensoj de la koro
al formo cedas. Ĝi por fam' kaj gloro,
kaptante l' modon, strebas kun fervoro, –
jen, ne dononta frukton bela floro.

Sinjor' kaj sklavo! Renkontiĝas pintoj,
ankoraŭ dubas pri l' komuna forto,
paroli timas, ĝin ne konsciintaj.

Sed jen: – Rektiĝu! – Vorto post la vorto
leviĝas en akcela sekvopreto
grandega, forta, viva – la Soneto.

* * *

Samkiel fero kun la fort' mirakla,
Nomata magnetismo, altiranta
Alian feron ne en pac' agrabla,
Ĝin al si kroĉas, sed en prov' konstanta, –

Sed se per rusto kovros ĝin senago,
Sub tiu rust' la forto malaperas, –
Ankaŭ la kor', kiun trapikis sago
De farnient', en propra sin' suferas.

Laboro nur forviŝas rodan ruston,
Remetos vivosenton en la bruston,
Vivigos novan strebon en la kor'.

Nur en labor' hardiĝas forto vira,
Labor' la mondon faris plej admira,
Do endas vivi en kaj por labor'.

## Al Korĵenko[1]

Sufoka morno,
Tempo – ĉe bol-kulmin'!
Ĉu ek al morto,
ke l' mond' ne konu nin?
Ĉu al batal-danĝer'
Aŭ kaŭra sido?
Mia amik', en ver',
Kuniru ni do!

Feliĉon prenu,
Vanas atendi ĝin!
Al suno venu,
Eĉ se post taga fin', –
Matena reaper'
Ja sen evito!
Al la liber', al ver'
Kuniru ni do!

Malfratan plagon,
Mornon de sklavdestin'
Ni kontraŭagu
Ĝis nia vivofin'.
De kor' kaj konscienc'
Honestas gvido,
Armitaj en potenc'
Kuniru ni do!

[1] Pseŭdonimo de ukraina verkisto kaj literaturesploristo Volodimir Kocovskij (1860-1921).